27 DECEMBRO 1907-12 JANUARO 1908 — Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) — KVARA JARO. — Nº 22-23



# ESPERANTO



DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.—**

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj aŭstr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. D. Kovaĉef, Sofio

**REKLAMO**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo . . . . | Sm. **100** — | ¼ kolono . . . | Sm. | **7.—** |
| 1 kolono. . . . | » **25** — | ⅛ » . . . . | » | **4.—** |
| ½ » . . . . | » **13.** — | 1/16 » . . . . | » | **2.50** |

25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj

Ĝeneralaj Agentoj : G. Warnier, 46, Rue Sainte-Anne, **Paris-2e**
C. A. L. Browne, 53, Wych Street, **London W. C.**

## RERIGARDO

En ankoraŭ pli alta grado ol la antaŭaj, la jus finita jaro 1907 estis por la Esperantista movado periodo de energia laboro kaj de senĉesa agado ; ĝi estis ankaŭ jaro de gravaj decidoj kaj iniciatoj, kiuj nedubeble havos grandan influon sur la estontan iradon de Esperantismo.

La faktoj okazintaj dum la jus forfluintaj monatoj pli kaj pli klare vidigis la nunajn praktikajn tendencojn de nia movado. Tiu fenomeno, kiu jam estis antaŭvidebla depost la Geneva kongreso, fariĝis nun tute sentebla, kaj ĉiuj novaj organoj, kiuj estis tiam iniciatitaj, estis plivastigitaj kaj definitivigitaj en la daŭro de la lasta jaro. La grava entrepreno de la konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj, kiu antaŭ kelka tempo, estis tre malvasta, estis fine kondukata sur vojo vere praktika kaj oni per ili jam atingis bonajn rezultatojn, kiuj fariĝos ankoraŭ pli atentindaj kiam ĉiuj tiuj organoj estos serioze organizitaj laŭ la plano akceptita de la interesatoj post la IIIa kongreso. De nun, ĉiuj povos firme labori laŭ tiu direkto kaj havos por tio bonan fundamenton, kiu estis starigita laŭ la praktikaj jam faritaj provoj. Kiam en ĉiu loko ekzistos Esperanto-Oficejo laŭ la modelo jam ekzistanta en diversaj urboj, nia afero estos tiam per si mem tre utila kaj venos al ni la popolamasoj, kiuj aliĝos al Esperanto nur kiam ili povos ricevi per ĝi ŝatindajn profitojn. Por trafi tiun nepre utilan rezultaton, estas necese ke ĉiuj Esperantistoj komprenu, ke nia movado ne konsistas nur el pura propagando kaj predikado, sed ankaŭ el bona kaj saĝa organizo interna de niaj fortoj, dank'al kiu neniu energio estos perdata kaj neniu bonvolo flanklasita. En sama rilato, la enkonduko de Esperanta en la diversajn fakojn, aŭ per unu vorto la peresperanta movado faris grandajn progresojn. Multaj novaj fakaj societoj estis fonditaj, aliaj estis organizitaj ; iom post iom aperas la ostaro de la venonta homaro esperantistigita. Unu el la plej atentindaj faktoj estis la kreo de la *Internacia Scienca Asocio*, kiu inter siaj anoj kalkulas gravajn sciencistojn, kiuj nun ne timas aktive partopreni en nia movado. La kreo de la *Scienca Oficejo* en Genevo, la reorganizo de *Scienca Revuo* kaj, koincide kun tio la jusa decido de la Delegitaro por la alpreno de lingvo internacia, jen estas tiom da faktoj, kiuj pruvas, ke Esperanto estas nun okupanta la atenton de la sciencistaro.

En la mezo de l'jaro, la neforgesebla IIIa kongreso montris la plenan vivecon de nia afero ; ĝi estis grandega kaj konvinka manifestado de nia forto kaj denova pruvo pri la taŭgeco de nia lingvo. Inter la rezultatoj de tiu kongreso, kiu al ĉiuj partoprenintoj liveris ne forigeblan impreson, ni citu la definitivan starigon de multaj specialistaj societoj, la akcepton de komuna festotago por la Esperantistaro, la oficialan fondon de la Scienca Asocio, la publikan rekomendon de bonega praktika aplikajo de Esperanto, nome la helpmona sistemo, k. t. p. ne enkalkulante la decidojn faritajn de la specialaj kunvenoj, kiuj ne estas la malplej gravaj.

En tiu rerigardo al la jaro pasinta, ni ne forgesu citi la rezultatojn de la kutima propagando. En multaj landoj, kie Esperanto estis ĝis nun tre malmulte konata, nia afero faris gravajn progresojn, ekzemple en Unuigitaj Statoj, Brazilujo, Japanujo, Hindujo, Filipinoj, k. c. ; en la aliaj landoj nia situacio estas ĉiam pli bona : en Germanujo, kie malgraŭ la kontraŭstaro de kelkaj sciencistaj rondoj nia movado senĉese kreskas kaj estas rimarkinda pro sia seriozeco, en Britujo, tra kies ĉiuj landopartoj la Esperanta fluo disvastiĝis post la kongreso, en Belgujo, kie la registaro sendas oficialan delegiton al la kongreso, en Aŭstrujo, Hispanujo, Francujo, Svisujo... Kiel iu iam diris en unu el niaj kongresoj, ne ekzistas nun lando en la mondo, kie ne estas konata la nomo Esperanto. Tio ĉi ne estas jam la sukceso, sed ĝi estas la plej malfacila unua paŝo al la sukceso.

La plej lasta okazintajo estis la decido de la Delegitaro por la alpreno de lingvo internacia. Nia lingvo estis elektita de la komitato de la dirita Delegitaro, kiu reprezentas grandan nombron da societoj kaj homoj eminentaj, kiuj sekve de tiu decido fariĝis jam Esperantistoj. Tiu decido elvokis diversajn gravajn demandojn, kiuj estas nun metataj al la atento de la Esperantistaro, kaj kelkajn interdiskutojn, sed ĉio finiĝos verŝajne per dezirinda interkonsento, kiu estos efektivigebla kiam ni posedos taŭgan organizajon. La lastaj okazintajoj efektive montris al ni la utilecon de internacia organizo de la Esperantistaro. Nia movado reprezentas difinitan kolekton da homoj kunigitaj por la sama celo, celo kiu postulas unuecon kaj kunagadon. Ĝis nun nia entrepreno estis afero de propagando ĉefe individua, sed nun ĝi eniras la vojon de la praktikaj aplikajoj, ĉu pure fakaj, ĉu esence internaciaj kaj ĝeneralaj, kiel ekzemple la starigo de la konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj. Por tio ĉi estus tre utila difinita oficiala reprezentantaro de la Esperantistoj, kiuj estas organizitaj loke aŭ nacie sed ne ankoraŭ internacie. Per tio nia movado ricevos pli da efektiva unueco kaj graveco, pli da ordo kaj vivo.

Disvastigi kaj utiligi la peresperantajn entreprenojn, rekte puŝi Esperanton en la vojon praktikan, labori kune por la efektivigo de taŭga organizo, jen nia tasko por la nun venanta jaro Ni ĝin faru en plena konsento, kun spirito de reciproka toleremeco, rememorigante al ni ke antaŭ ĉio estas dezirinda ne la unueco de la opinioj, sed la unueco de la spirito de l'diskutado.

H. H.

## TRA LA MONDO

### Hispanujo.

Barcelono, decembro 1907.

La politiko moviĝadas en nia lando tre diversmaniere laŭ la partio reganta. La monarkio, kiu regas Hispanujon, estas konstitucia, sed ekzistas pretendanto al la hispana trono, kiu subtenas la absolutisman standardon. Kompreneble, tiu pretendanto havas partion, kies anojn oni nomas karlistoj aŭ tradicianoj. La reganta dinastio havas du partiojn nome : la liberala kaj la konservativa, kiuj ambaŭ konsistas el kelkaj direktantoj sen amaso. Ili havas tiel nedifinitajn programojn, ke facile unu akceptas tiun de la alia, kiam rapidega krizo sin prezentas kaj malstariĝas la ministraron. Estas necese sciigi, ke la liberala partio en la nuntempo nur estas liberala per la nomo, sed ne per siaj faktoj pro tio, kion mi diris en la antaŭa paragrafo. Kiam tio okazas, ĝi estas devigata voĉdonigi leĝojn, kiuj certe ne favoras ĝian nomon. Alia afero tre grava ekzistas ĉe la liberala partio. Multaj ĉefoj estas en ĝi, kiujn sekvas kelkaj politikistoj, alportantaj la plej malsamajn programojn. Kompreneble, multaj programoj alportataj en la sama partio kaŭzas la dividon inter la proponantoj kaj baldaŭ rezultas en malkompreniĝoj, kiuj kaŭzas la ŝanĝon de liberala ministraro en konservativan kaj reciproke. Ekster la monarkiaj partioj, estas anoj por la partioj respublika kaj socialista. Ĉe la respublika partio staras la sama divido kiel ĉe la liberala. Antaŭ kelkaj jaroj oni provis la unuiĝon, sed ĝi estas fakte neebla pro la diverseco de la religiaj kaj socialaj opinioj en tiu sama partio. La socialista partio havas reprezentantojn nur en la urbaj konsilantaroj de malmultaj urboj. Pro la leĝo voĉdonita de la liberala partio kiu certe ne estas liberala leĝo, la diversaj partioj ne regantaj unuiĝis en la Kataluna regiono, formante partion nomitan solidareco, kiu celas la purigon de la universala voĉdono por ke la reprezentantoj de la popolo estu vere ĝiaj reprezentantoj. Ĉiuj elektitoj celas por la prosperigado de la distrikto kiun ili reprezentas helpante unu la alian en tiu klopodo, marŝante ĉiuj unuvoĉe. Okaze de la fondo de la nova partio, la popola politika movado tute ŝanĝiĝis en nia regiono kaj iomete en aliaj de nia lando. La oficialaj kandidatoj de la solidareco kataluna escepte en du balotdistrikoj estis venkitaj. Antaŭ kelkaj jaroj, la Parlamento hispana formiĝis el plimulto da deputatoj de la reganta partio, malmulto da deputatoj de la monarkia kontraŭa partio kaj el malgrandega kvanto da respublikanoj kaj tradicianoj kun kelkaj indiferentuloj. En la partio de la solidareco, ĉiu ano konservas siajn politikajn, religiajn aŭ socialajn ideojn, tiel ke ja solidarecanoj, kiuj akordiĝas pri aŭtonomio de la regiono, aliparte diskutadas pri religiaj aferoj. La Kataluna solidareco penas disvastigi sian ideon tra la tuta hispana lando. Tio estas jam iom pli malfacila, ĉar en la aliaj regionoj mankas la unua kaŭzo kiu en la nia puŝis al tia mirinda movado : la malamo.

Jen mallonge kaj senpartie prezentita la stato de la politikaj partioj en Hispanujo.

A. Pierre.

### Unuigitaj Ŝtatoj

Toledo (Ohio), 23 novembro 1907.

Sendube la plej interesa temo de la nuna politika situacio en la U. S. estas tiu de la proksima balotado : kiuj estos la kandidatoj de la du ĉefaj partioj « republikan » kaj « democratic », por la prezidanteco ? Kvankam la balotado ne okazos ĝis proksimume unu jaro de la nuna tempo, tamen la politikaj babilantoj jam agadas, kaj la estontaj kandidatoj pretigas siajn armilojn por la granda almilito. Estas la kutimo en nia « prezidanta » jaro tiam elekti la kandidatojn por la aŭtuna balotado. Sed ĉiam longe antaŭ la dato de ĉi tiuj kunvenoj agadas la politikuloj kaj la jurnaloj, jen diskutante la malfavorajn ecojn de homa ambicio por politikaj honoroj, jen prezentante la bonajn kvalitojn de favoritulo.

Tiamaniere estas ke la politika „ kaldrono " en la U. S. jam bolas, kaj la atmosfero pleniĝas je famoj kaj kontraŭdiroj. Grava kandidato, jam konfesinta, por la honoro de la « republican'a » elekto kiel prezidanta konkuranto estas S-ro Taft, la nuna sekretario de militaj aferoj. Vere estas ke li estas viro aparte kapabla, posedanta senfine la konfidon de la amerikana popolo, kaj se li estus elektata kiel proksima ĉefo, sendube donus al la nacio kvarjaran ofictenadon plenan de merito kaj inda administracio. Notindaj jam estas liaj servoj en la Filipinaj Insuloj, kie li estis reganto dum la malpacaj tempoj kiuj sekvis la militan okupiĝon, kaj kie li sukcesis altiri la konfidon kaj amon de la insulanoj — en insulo Kubo, kie li starigis la pacon post la lasta tiea politika eksplodo — kaj en Panamo, kie li iniciatis la regnadon de la Zono kaj ordigis la grandegan laboron de la elfosado de l'interoceana kanalo. Sed la plej malordiga punkto de la situacio estos tiu de la sintenado de S-ro Roosevelt. Ĉu li, malgraŭ liaj oftaj kontraŭdiroj, kiam venos la tempo, ne efektive denove prezentos sin kiel kandidaton por la prezidanteco ? Tion ĉi liaj kontraŭuloj ne ĉesas antaŭdiri, kaj pri ĝi ili tre malpacas. Sed, farante tiel, ili ŝajne ne sufiĉe atentas la vortojn de S-ro Roosevelt, kiu en la tago de sia lasta elekto anoncis ke „ mi ne plu estos kandidato por la ofico de prezidanto ". Tion ĉi anoncon diversfoje dum la lastaj tri jaroj li rediris, sed estos interese observi lian sintenadon tiaokaze se la voko de la popolo fariĝus tiel forta ke li devus ĝin atenti. Estas neduba fakto ke S-ro Roosevelt posedas grandamezure la konfidon de la nacio, kaj estas nenia dubo ke, se li tion volos, li povos, ree esti elektata kiel prezidanto, malgraŭ ke ekzistas en U. S. forta malŝato, kvazaŭ bone komprenata sed neskribita leĝo, kontraŭ la tria okupo de l'ĉefofico. Tiu ĉi kutimo devenis de la tempo de Generalo Washington, la unua prezidanto, kiu konsilis tian procedon kiel danĝeran por la libereco de l'popolo, kiel oferantan al malbona nomo la eblecon sin daŭrigi en la supera potenco. Kaj oni devas aprobi la saĝecon de ĉi tiu konsilo, sed aliflanke, se tenus la oficon ia bona nomo, amata de la popolo kaj respektata iliajn rajtojn, ĉu la situacio estus tiu sama ? Kaj pri tio ĉi la amikoj de l'prezidanto montras ke li jam nur unufoje estis elektata — lia unua ofictenado estis nur la nefinita tempo de la bedaŭrata Mac Kinlek.

En la rangoj „ democratic'aj ", ĝis nun aperis nur unu homo kiu povas estis iel konsiderata kiel uzebla por kandidato — S-ro Bryan, la jam dufoja konkuranto malsukcesa ! Sed, kiel la konata Barkis, li ĉiam ŝajnas „ volonta " eĉ estis metata kiel ofero sur la altaro de sia partio. Estas vere, tamen, ke S-ro Bryan estas klerega homo, eĉ genia, kaj lia tenado de la konfido de la partio „ democratic " estas rimarkinda afero.

La partio socialista ĉiam prezentas kandidatojn por la publikaj oficoj, sed ĝis nun tiuj ĉi partianoj ne estas sufiĉe grandanombraj por efiki sur la politikan situacion, sed ili plinombriĝas, kaj estos interese en la estonteco observi iliajn farojn en la politika kampo.

H.-S. Blaine.

***

Seattle, Wash. Decembro 1907.

La atendito jam okazis ; la longa periodo de « prospereco », kiu daŭris dum kelkaj jaroj ŝajne subite ĉesis kaj laŭ la opinioj de multaj el niaj plej konataj ekonomiistoj, terura paniko baldaŭ troviĝas. Kompreneble la grandaj jurnaloj tion ne kredas sed la faktoj parolas pli laŭte ol vortoj. Estas certe ke dum la lastaj ok semajnoj situacio apenaŭ distingebla de paniko regas en New-York, Chicago kaj aliaj financaj centroj. Kelkaj bankoj bankrotis, ĉiuj bankoj ĉesis elpagi monon por ĉekoj kaj elpensis substituon nomitan « clearing house certificate ». Tiuj ĉi estas atestoj ke la bankoj pagos, post fiksita periodo da tempo, realan monon al la posedantoj. Kiel garantiajoj la bankoj tenas la pagkontraktojn ricevitajn de la komercistoj, kaj aliajn transdoneblajn dokumentojn. Oni sukcesis konvinki la homojn ke tiu ĉi estas la sola metodo eviti la panikon, kaj la plimulto el ili volonte akceptas tiajn paperojn kiel efektivan monon. Sed — kaj estas tre granda sed — la fervojoj, diversaj ŝtatoj, urboj, tute ne akceptas tion. Tial multaj grandaj fabrikejoj, kiel la Westinghouse Elektra Kompanio, pli ol

dudek bankoj, k. c., sin trovas en la manoj de ricevintoj. Multaj miloj da laboristoj estis maldungitaj kaj miloj da aliaj timas ricevis siajn bluajn kovertojn iutage. Okazinte ĝuste je la komenco de la vintro tio nepre mizerigos centmilojn, kaj eble revenigos samajn kondiĉojn kiel ekzistis dum la terura jaro 1893, kiam miloj pereis pro malsato kaj malvarmo. Por eviti panikon S-ro Cortelyou, sekretario de la financo en Washington jam disverŝis preskaŭ centmilionojn da dolaroj en New-York'on kaj Chicago'n, sed la rezultatoj tute ne egalas la atendojn. La prezo de multaj akcioj, industriaj kaj fervojaj, tiel malpligrandiĝis ke multaj firmoj, precipe aĝiotistoj, bankrotis, kaj la perdo pri tiuj ĉi aferoj sumas almenaŭ tri bilionojn da dolaroj. Certe estas ke nuntempe granda teruro sidas sur nia lando kaj kvankam laŭ mia propra opinio rimedoj estos trovataj por prokrasti la panikon ĝis post la nacia prezidanta elekto en 1900, oni ne povas dubi ke la plej malbona estas timinda. La „republican" partio, kiu kontrolas nuntempe la landon, ĉiam laŭte pretendas ke nur necesas daŭrigi tiun partion en la potenco por eviti ĉiajn industriajn malbonaĵojn; pro tio, ne taŭgus permesi panikon ĝuste antaŭ unu el la ĉiukvarjaraj elektoj. Tamen, se tio okazus, kredeble oni permesos ke la „démocratic" partio prenu sur nin la kontrolon, por ke tiu partio estu kulpigata pro paniko.

Plendoj ofte aŭdiĝas nun pri la malsukceso de la granda ekspozicio starigita en Jamestown, Virginia, por memorigi pri la unua daŭra okupado de tiu ĉi lando de blankrasuloj. Por helpi la aferon la nacia kongreso pruntedonis unu milionon da dolaroj, repagotan el la enspezoj. Sed la sesmonata daŭrado de la ekspozicio rapide finiĝos kaj eĉ ne unu dolaron jam ricevis la nacia kasisto, kaj estas eble ke la oficistoj de tiu fako devos preni la kontrolon de la afero por ke ili ricevu ion. La starigintoj diras, ke la necesaj elspezoj eluzis tiom ke nenio restas, malgraŭ la fakto ke la kontrakto kun la nacio diras ke tiu miliono estos la unua ŝuldo pagita. La bedaŭrinda fakto estas, tamen, ke la ekspozicio estis granda malsukceso; la nombro de la ĉeestantoj tute ne egalas la atendon kaj la kaŭzoj estas facile troveblaj. Inter ili estas la nefiniĝo de la konstruaĵoj ĉe la malfermado, fakte, la nepreteco de io; la malbona loko de la ekspozicio, sur ekstrema orienta bordo de la lando, kiu estas trop granda por permesi al multaj ĝin viziti; la ofteco de tiuj ĉi ekspozicioj kaj la malgrandeco de la Jamestown afero kompare kun la St-Louis'a kaj Chicago'a dum la lastaj jaroj. Precipe, tamen, la malsukceso devenas de la karaktero de la ekspozicio, kiu estas preskaŭ tute milita. Grandaj manovroj de la kirasŝipoj okazis en la golfo kaj la plimulto el la spaco en la ekspozicio donaciĝis al montraĵoj pri la milito, mara kaj tera. Niaj samlandanoj ne tre entuziasmiĝas pri tiaj aferoj, ne amas la sangverŝadon kaj nia armeo estas unu el la plej malgrandaj en la mondo. Sendube la Usona ŝiparo estas kontraŭe tre granda sed la popolo ĝenerale ne aprobas la grandan elspezon necesan por ĝi, kaj preskaŭ ĉiuj ĝuus revenon de la kondiĉoj kiuj ekzistis antaŭ la milito kontraŭ Hispanujo, kiam ni ne havis eksterlandajn posedaĵojn. Jam estis pruvite ke la Filipinaj, Hawaiiaj, Porto-Rika kaj aliaj insuloj konstante kostas al ni multege da mono, milojn da homvivoj kaj profitas al la popolamaso absolute nenion.

Charles-E. RANDALL.

## Tutmonda Kroniko

*2 décembro. Parizo.* — Mortas grafo de Montebello, eksambasadoro de Francujo en Peterburgo.

*3. Romo.* — Inaŭguro de internacia konferenco de higieno.

*4. Parizo.* — Romanisto Moselly ricevas la premion de la Akademio Goncourt.

*6. Bruselo.* — Publikigo de la traktato por la cedo de Kongolando al Belgujo.

*Fairmont (U. S. A.).* — Eksplodo en karbonminejo; 550 mortintoj.

*7. Makedonujo.* — Bulgara bando penetras en vilaĝon kaj ĝin bruligas.

*8. Stokholm.* — Mortas reĝo Oskar II[a].

*10. Kristianio.* — La deputataro asignas la Nobelan premion de la paco al franco Renault kaj al italo Moneta.

*Peterburgo.* — Komenco de l'proceso Stæssel.

*11. Sofio.* — Oni mortigas la du Makedonajn revoluciestrojn Sarakoff kaj Sarivanoff.

*12. Ateno.* — Edziĝo de princo Georgo kun princino Mario Bonaparto.

*13. Amsterdamo.* — Alveturo de la imperiestro Vilhelmo II[a].

*Lisabono.* — Triumfa reveno de la venkinta militiro kontraŭ la Coumatos.

*14. Helsingfors.* — Guberniestro Guerard eksiĝas.

*Peterburgo.* — 30 deputatoj de la dua Dumo estas kondamnataj al malliberigo al Siberujo.

*15. Dresdeno.* — Mortas reĝino Karolino, vidvino de la reĝo Alberto de Saksujo.

*18. Wieno.* — La Aŭstra Parlamento per granda plimulto akceptas la austrohungaran Kontrakton.

*20. Palermo.* — Terura eksplodo de dinamito. Multaj mortintoj.

A. TELLINI.

## NIA ENKETO

# LA KOSTO DE LA VIVADO

(IV)

**Austrujo Hungarujo.** — *Loĝado.* — Prezoj tre malsamaj laŭ la regionoj. En Galicio apartamentoj po ĉambro en urbeto aŭ antaŭurbo kostas 2-3 sm. semajne, en Hungarujo unu ĉambro kun meblaro 100-200 sm. jare, kaj malgranda, loĝejo da du aŭ tri ĉambroj kun kuirejo da 200 ĝis 300 sm En Bohemujo unu ĉambro po jaro varias de 50 ĝis 100 sm. En la urboj, la prezoj senteble altiĝas; en Wien, Praha, Budapest, k. a. Unu ĉambro en hotelo kostas 60 sd. ĝis 2 sm. laŭ la regionoj kaj la konforto; en la kamparo galicia, hungara, kroata, tre malkaraj ĉambroj en triaordaj hoteloj (40-50 sd).

*Vestaro kaj meblaro.* — La prezo de laborista vestaro estas 10 ĝis 15 sm. (Salicio, Hungarujo), de 15 ĝis 20 sm. en Aŭstrujo, Bohemujo; por la pli luksaj vestaroj, samaj prezoj kiel en Germanujo. Meblaro mezpreza estas havebla po 400 ĝis 500 sm.; por simpla ĉambro 20-30 sm.

*Instruado.* — En la popolaj unuagradaj lernejoj oni lernas senpage; ĉe la enskribigo de la lernontoj sni pagas laŭvole. Por la gimnazioj realaj kaj seminariaj lornejoj, oni pagas la enskribon kaj dufoje en jaro la lernejan imposton 35-20 sm.; en Hungarujo, la gimnazioj kaj reallernejoj, kostas proksimume 330 sm. en jaro; la universitatoj 150-200 sm. La kosto de la duagrada instruado estas tre varia laŭ la regionoj.

*Impostoj.* — La impostoj estas tre diversaj; personrenta, perlabora, kampa, domimposto, k. t. p, La kosto de tiuj impostoj ŝanĝas ĉiujare kaj estas malsamaj laŭ la provincoj, tiel ke estos neeble liveri precizajn kaj firmajn ciferojn pri tiu temo.

*Resuma budĝeto.* — En Galicio, Moravigo, Bohemujo, tripersona laborista familio bezonas minimume 400 ĝis 450 sm. jare (loĝado 70 sm., nutraĵoj 30 sm.). En Hungarujo, kaj entute en kampaj regionol, familio povas tre bone vivi per 300-305 sm. En la urboj, laborista familio bezonas almenaŭ 600 sm.; en Wien, ĝi bezonus 700-750 sm. jare. En la kamparo galicia, hungare, kroata, multaj kvin aŭ sespersonaj familioj vivas per 250-300 sm. proksimume, sed kompreneble en ne bonaj kondiĉoj. Pro la vasteco de la Aŭstra imperio kaj la diverseco de la regionoj el kiuj ĝi konsistas estas malfacile havi ĝustan ideon pri la kosto de la vivado. Pri la urboj, ĝi estas simila al tiu de la germanaj urboj, kvankam ofte pli malalta; pri la komparaj regionoj, ĝi similas al tiu de la germanaj aŭ slavaj kamparoj, laŭ la najbareco.

**Skandinavio.** — *Loĝado.* — En Stokholmo kaj aliaj urboj, la meza prezo de unu ĉambro po jaro estas 40-70 sm. En Nordaj regionoj de Svedujo aŭ Norvegujo, senmebla ĉambro po 15-30 sm., lumo 15-20 sm. jare; brulaĵo 45-40 sm. En urba hotelo ĉambro po 2-3 sm.; en vilaĝa gastigejo 1-2,5 sm. kun manĝoj. La prezoj en Danujo estas similaj al tiuj konstateblaj en Germanujo.

*Vestaro kaj meblaro.* — Laboristan vestaron oni trovas po 40 ĝis 60 sm. Kamparan kostumon oni aĉetas po 20-30 sm. (Pelto kostas 40-100 sm.). Simpla meblaro estas havebla po 35 ĝis 50 sm.; lignaj meblaroj estas nekaraj.

*Instruado.* — La malgrandaj kaj popolaj lernejoj unuagradaj estas malkaraj; la gimnazioj kaj duagradaj lernejoj kostas de 30 ĝis 60 sm. Diversaj faciligoj estas lasataj por la ne riĉaj kaj kapablaj lernantoj. Entute la instruado estas tre disvastigata en ĉiuj klasoj de la loĝantaro.

*Impostoj.* — La impostoj por bienhavantoj varias laŭ la valoro de itiaj posedaĵoj: laboristo pagas kiel direktajn impostojn al la regno, komunumo kaj pastra salajro ĉirkaŭ 8 ĝis 15 sm.

*Resumato budĝeto.* — Laborista familio en norda Svedujo elspezas jare 450 ĝis 500 sm. (loĝado kaj hejtado 100 sm., vestado 120 sm.; nutraĵo 200; diversaĵoj 40). En la urboj iom pli granda sumo estas necesa, 500 ĝis 600 sm. En ĝenerala maniero, la tre riĉaj aŭ tre malriĉaj familioj estas maloftaj kaj la ekonomia situacio de la Skandinaviaj loĝantaroj estas multe pli bona ol en aliaj landoj, pli favoritaj de la klimato kaj de la eksteraj kondiĉoj.

*(daŭrigota)*

# ESPERANTO PRAKTIKA

## DIVERSAĴOJ

**Esperantista festotago.** — Ni ricevis cirkuleron el la komitato elektita por tiu demando. La datoj proponitaj estas 17 decembro, 21 marto kaj 21 julio. La dirita komitato invitas ĉiujn Esperantistojn sendi kiel eble plej baldaŭ siajn opiniojn al S-ro O. Simon, VIII. Josefstädterstr, 66, Wien (Aŭstrujo). Poste, le komitato voĉdonos definitive kaj la lasta kongreso estas petata je je lasta sankcio.

**Ruĝa Kruco.** — Leŭtenanto Bayol kaj doktoro Dupont, kelpmajor-kuracisto, petas ĉiujn samideanojn militistojn, maristojn kaj ruĝkrucistojn, ke ili bonvolu sendi al ili kiel eble plej multe da dokumentoj, sciigoj, ilustraĵoj, fotografaĵoj k. t. p., rilate al Ruĝa Kruco de siaj nacioj:

Sanitaraj manovroj;
personaroj militista kaj nemilitista;
materialo;
organizo de la societoj de Ruĝa Kruco;
ambulancoj;
milithospitaloj;

Ili estas skribontaj multajn artikolojn kaj verkon « Ruĝa Kruco » kun ilustraĵoj.

Bonaj propagandiloj estos por nia kara lingvo inter maristoj militistaroj kaj ruĝkrucistaroj diversnaciaj, ĉar ili estos bitekstaj franca-esperantaj, kaj poste la sciigoj estos citataj « elĉerpita el teksto esperanta de S-ro X... ».

Antaŭan dankon!

Skribi al leŭtenanto Bayol aŭ doktoro Dupont, 51a, regimento infanteria, Beauvais (Oise), Francujo.

**Libera Penso.** — Ni subskribintoj havas la honoron informi la ĉiulandajn Esperantistojn ke fondiĝis dum la kongreso en Cambridge internacia societo Esperantista de liberpensuloj sub titolo " Libera Penso ". Jarkotizo kun abono de monata bulteno 2,50 (1 sm.). Provizora sekretario: R Deshays, Sens (Francujo); fondintoj: Soj Auerbach, Beauchamp, Bendix, Boucon, Bourlet, Deshays, Essigmann, Evstifeieff, Sino Evstifeieff, Fi-blan-go, Fino Fryer, Humberset, Kuhnl, Marechal, Moch, Padfieled, Papillon, Rauch, Fino Rouff, G. Stroele, Thiedemann, Fino Vaucher, Watters, Wolf, Zinovjev.

**Neutra Esperanto lando** (Amikejo). — Cu vi konas neŭtran Moresnet'on?

Eble ĝis hodiaŭ vi neniam aŭdis tiun nomon.

Neŭtra Moresnet'o estas malgrandeta teritorio, kvazaŭ terpunkto, kie Germanujo, Belgujo, Holando, unu la alian atingas. Gi estas landeto sur kiu, malgraŭ ĝia eteco, homoj de multaj landoj kunvivadas. Tiu ĉi neŭtra limpunkto de tri landoj enhavas 3.500 loĝantojn.

Se mi dirus al vi: neŭtran Moresnet'on ni devas aligi al Esperanto, vi respondus: « Certe Esperanto jam aligis al si pli grandajn landspacojn ol ĉi tiu, pli grandajn loĝantarojn ol 3.500 individuoj; ne estus do neeble fari je neŭtra Moresnet'o neŭtran Esperanto-ŝtaton, sed ni ne vidas la utilecon de tio, ĉar la diversnaciaj Moresnetanoj sin reciproke komprenas. » Tiamaniere vimial respondus:

Nu, se vi ne jam ekvidas kiom la ekzisto de lando, de ŝtato esperantista favorus Esperanton, se vi ne jam ekvidas la profitegojn de Esperanto kiam la mondo sciiĝus pri la fondo de la nova ŝtato, kiam la geografioj, la landkartaroj, la jurnaloj publikigus ĉiumomente tiun novaĵon, kiam la ilustritaj poŝtkartoj ĉien dissendus vidaĵojn de esperantujo, vi sendube ekvidos la gravecon de sendependa Esperanto-lando, se vi memoras ke la regiono de neŭtra Moresnet'o estas la regiono kie troviĝas Luttig (Liege), Verviers, Aachen (Aix-la-Chapelle), sekve la regiogiono tra kiu pasas la ĉefaj komercaj vojoj kaj la ĉefaj turistaj vojoj de l'mondo.

Amerikanoj, Angloj kiuj iras Orienton, Rusoj, Azianoj kiuj iras Okcidenton, Svedoj, Norvegoj kiuj Sudon, Francoj, Hispanoj kiuj Nordon....., ĉiuj popoloj trapasas la ĉirkaŭaĵon de neŭtra Moresnet'o.

Kio estus do necesa por ke ĉiuj popoloj pasu ne plu tra la ĉirkaŭaĵo de neŭtra Moresnet'o sed tra « Neutra Moresnet'o » mem?

La vojaĝantoj estas duspecaj: la vojaĝistoj (komercvojaĝistoj) kaj la turistoj. Por la unuaj ni farus ĉe neŭtra Moresnet'o « la Sindikatan ĉambregon de la internaciaj komercvojaĝistoj », porla duaj ni plibonigus la nunan Kasinon de neŭtra Moresnet'o.

Helpu min per Konsiloj, per propagando kaj ni baldaŭ kreos Amikejon.

Gustave ROY,
Professeur de langues vivantes au
Collège de Saint-Girons (Ariège).

P. S. — Pli multajn informojn pri tiu ĉi afero oni trovos en la franca broŝuro (Projet d'un Etat espérantiste indépendant, réalisable en six mois) kiu eldoniĝos la unuan de Januaro 1908 kaj estos aĉetebla po 60 centimoj poŝtmarke ĉe l'aŭtoro.

# IV[a] Kongreso Esperantista

Apenaŭ la lasta brilo de la glora tria kongreso estingiĝis, kaj jam la unuaj radioj de la kvara estas videblaj. La gesamideanoj jam scias, ke en Kembrigo Germanujo invitis la Esperantistaron: la urbo estis ankoraŭ nedefinita. Nun Germanujo, en harmonio kun la Centra Organiza Komitato kaj kun la konsento de D-ro Zamenhof elektis Dresden kiel la plej taŭgan urbon.

La bela saksa ĉefurbo havas tre oportunan situacion. Gi nek estas nordgermana nek suda urbo, ĝuste en bona mezo de Germanujo ĝi kuŝas, facile atingebla por ĉiuj landoj. La kvaro, kiu arangos la kongreson, estas: D-ro Mybs, D-ro Schramm, S-ino Hankel kaj S-ro Arnhold. Tiu ĉi kvaro ĉion faros, por faciligi al la kongresontoj la vojaĝon kaj la loĝadon. La societo por la inter komunikiĝo de la fremduloj (fremdenverkehrsverein) tre afable proponis al la kvaro sian helpon; per kunagado kun tiu ĉi societo la kvaro arangos malkaran restadon al niaj gastoj. Kun kora gastemeco ni ilin atendas, entuziasme ni ilin akceptos! La malnovaj amikoj revidos unu la aliajn, novaj ligoj fariĝos, pli intime la granda familio unuiĝos. En la lando de la scienso tre granda ekspozicio montros la riĉan literaturon de nia lingvo.

Post la kongreso ekskursoj tra Germanujo estos arangotaj, ni esperas, ke multaj Esperantistoj partoprenos. Tiuj el ili, kiuj preferas la viziton kaj restadon en trankvila « Esperanta vilaĝo » trovos en Weisser Hirsch la deziratan ĉarman lokon, veran Esperantistujon. Jam nun oni tie arangis kursojn.

La sukceso de niaj entreprenoj dependas de la multnombra apero de la gesamideanoj. Ĉiuj nacioj estu bone reprezentotaj! Ni petas, ke oni baldaŭ anoncu sian nomon kaj profesion klare skribitan, kun detala adreso al la Oficejo de la kvara, kiu restos ĝis la definitiva translokiĝo al Dresden (en komenco de somero 1908) en eĉ la prezidanto D-ro Mybs, Altona a. E., Marktstr, 68. Ankaŭ ne forgesu la donaćan kason kaj la garantian fondaĵon, ĉar ni bezonas multe da mono. Mi de petas, ke oni sendu ĉiujn monojn al la bankejo fratoj Arnhold (Gebr. Arnhold) *Dresden*, Waisenhausstrasse, 20.

*La kvara por la kvara,*
D-ro MYBS, D-ro SCHRAMM, Marie HANKEL
H. ARNHOLD.

# KONSULAJ INFORMOJ

**Chalons-s-Saone** — Esperanto-Oficejo. Por faciligi al la komercistoj la uzadon de Esperanto, la ĉefaj esperantistaj grupoj, laŭ la iniciativo de la industria sekcio el la pariza grupo, jus fondis komitataron por la traduko de la komercaj leteroj kaj cirkuleroj. La grupo de Châlon-sur-Saône (Salonŝur-Ŝon') prenas sur sin fari tiujn tradukaĵojn por la departemento Saône-et-Loire (Son' e Loar'). De nun, la komercistoj de tiu ĉi departemento povas do sin turni al la dirita grupo por tradukigi ĉiujn francajn leterojn kaj cirkulerojn en Esperanton kaj reciproke. Tiujn dokumentojn oni resendos tuj kiel plej eble rapide. La traduko estas senpaga; oni devas nur sendi 20 spesdekojn pro la korespondaj elspezoj. Oni sendu la tradukotajn dokumentojn al: Esperanto-Oficejo, 8, boulevard de la République, Châlons-sur-Saône (S et-L.) Francujo.

**Roanne** (Francujo). — Konsulo: S-ro Fortier-Beaulieu, 6, rue des Tanneries.

**Romo** (Italujo). — Esp-Konsulejo, Fotografia Dottarelli, 29 via Belsiana.

**Roubaix** (Francujo). — Konsulo: A. Denis, 86, rue du Moulin-Roubaix.

**Seattle** (Wash. Unuiĝitaj Statoj). — Esperanta Konsulejo, S-ro Ch.-E. Randall, zorgas pri ĉiaj aferoj, komercaj, sociaj, k. c. en Seattle kaj la Pacifika marbordo por la Esperantistaro.

**St-Etienne** (Francujo). — Esperanto-Konsulejo. — Ni sciigas la baldaŭan fondiĝon de *Industria kaj komerca sekcio* de l'Esperantista Grupo Stefana en la Taverne Ascacienne, 5, place Marengo. Tio estas bonega afero en tiel laborema urbo kiel de St-Etienne kaj ĉirkaŭaĵoj, kies rubandoj, veluroj kaj metalurgiaĵoj estas ĉie konataj. La Grupo elektis kiel konsulon: S-ro E. Gabert, recette municipale.

**Valence** (Francujo). — Konsulo: J. Delfour-kolegiestro

**Vesoul** (Hte-Saône, Francujo). — Konsulo; S-ro Maurice Girardet, negocisto, 1, rue de la Gare.

**Liverpool**. — Adreso: The Esperanto School & Office, 7, Berry Street, Liverpool

**Avignon** (Francujo). — Esperanto-Oficejo. Oni petas germanan servistinon. Skribi germane aŭ esperante kaj senpere al S-ro Albert Santel, terkulturisto, Cours St-Martin, Orange (Vaucluse).

**Reims** (Francujo). — Esperanto-Ofico. 5, place Royale (telefono 436), Chauvillon, libristo, konsulo. Liveras ĉiujn informojn, parole kaj letere, pri Reims kaj la regiono: turismo, komerco kaj esperantismo. Ricevas ĉiujn leterojn por la grupo esperantista de Reims (S. f. p. E.).

# Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj

### En Cambridge

*I. Protokolo pri la dua ĝenerala Kunveno.* — Lundon 12an de Aŭgusto 1908, je la 5[a], okazis nia dua ĝenerala kunveno en Fiziologiejo. Pli ol tridek el niaj anoj ĉeestis. La estraro konsistas el S-roj: Michaux advokato en Bulojo (Fr.), prezidanto; Sergeant, (Fr), ĝenerala sekretario; vicprezidantoj: Ampt, attorney en Cincinuati (Ohio), Unuiĝitaj Statoj, Degon, avoue en Douai, Francujo; Ellis solicitoro en Keighley, Anglujo; Page, solicitoro en Binburgh, Anglujo; Pino, advokato en Valencia, Hispanujo.

Ne alveninte S-ro Michaux, S-ro Ellis komencas la kunsidon per kelkaj aplaŭditaj paroloj; poste oni aŭdis raporton de la ĝenerala sekretario pri la financa stato kaj la societaj progresoj, kaj alian raporton de S-ro Degon pri la laboro de la jurista vortaro. Tiam S-ro Michaux prezidanto, alvenis kaj salutis la ĉeestantojn kaj

## "NI RESTOS FIDELAJ"

Antaŭ unu monato proksimume, *Lingvo Internacia* publikigis artikolon sub la ĉi supra titolo. Neniu iam dubis pri la fideleco de la plej malnova gazeto Esperantista; oni do devige demandis sin: Ĉu aliaj gazetoj Esperantistaj fariĝis malfidelaj al nia afero?

Kvankam tia demando estus en ordinaraj cirkonstancoj tute superflua, kaj estas verŝajne ankaŭ superflua nun, tamen la demando estas sufiĉe grava kaj la diskutoj sufiĉe akraj por ke ni penu forigi ĉian dubon pri nia fideleco. Ni esperas, ke ĉiuj aliaj Esperantistaj gazetoj faros la saman deklaracion por ke ĉiu komprenu ke niaj interdiskutoj pri la oportuneco de iuj aŭ aliaj reformoj en la lingvon tute ne malhelpas nian fundamentan unuecon.

Efektive, la fideleco de iu ajn individua Esperantisto ne konsistas en ĝiaj personaj opinioj pri la oportuneco de ĉi aŭ alia reformo en la lingvon komunan aŭ teknikan sed en la *submeto* de tiuj personaj opinioj al la ĝenerala utilo kaj profito de Esperanto.

Esperantujo estas lando, kie ĉiu Esperantisto povas libere esprimi siajn personajn preferojn, sed oni devas despli atenti kaj eviti la danĝeron de anarĥio ke Esperantujo ne havas leĝdonan parlamenton de regule elektitaj delegatoj kun oficiala mandato por reprezenti la Esperantistaron. Ni do povas eviti anarĥion nur se ni scias konduti kiel liberaj landanoj de libera lando; en tiaj landoj ĉiu loĝanto havas plenan liberecon tiel longe kiam li ne ofendas *la liberecon de la aliaj loĝantoj*; nur se li forgesas tion, la policanoj rememorigas ĝin al li. Nu, en Esperantujo ekzistas neniu policano; ni do devas mem rememorigi al ni la limon de nia libereco: libera esprimo de niaj preferoj personaj pri la lingvo sed submeto de ĝi al la ĝenerala opinio. Laŭ tiu difino ĉiu Esperantisto, ĉiu gazeto aŭ komitato Esperantista povas fari proponojn pri reformoj sed ĝi ne povas mem enkonduki ilin almenaŭ se ĝi deziras konservi la nomon « Esperantista ». Tia estas la fundamento de nia fideleco.

Sed ekzistas ankoraŭ alia fideleco, kiun ni eble tro forgesas en la nunaj cirkonstancoj, kiam ĝi estas plej necesa: la fideleco al la *interna ideo* de Esperanto, tiu interna ideo kiun ni sentas forte dum la universalaj kongresoj sed kiu iom paliĝas en la intertempo, tiu ideo kiun ne povas kompreni la personoj kiuj ne ĉeestis niajn kunvenojn, ĉar nur tie oni sentas la realecon de la nova sento kiu reprezentas la estontan homaron. Kompare kun tio, kiom malgravaj kaj malgrandaj aperas niaj nunaj diskutoj pri novaj sufiksoj aŭ nova alfabeto. Tiaj diskutoj estas certe interesaj kaj utilaj ĉar ni devas peni por ke nia lingvo fariĝu kiel eble plej perfekta kaj se ni deziras fari kelkajn plibonigojn ni ne devas atendi ĝis kiam tio fariĝos jam ne ebla; sed la sukceso de nia afero tute ne dependas de ili, kiel kelkaj personoj provas kredigi al ni.

Ni memoru ke la plej certa rimedo por atingi la finan sukceson estas la fideleco ne nur al nia lingvo sed al ĝia interna ideo. Al ĝi precipe ni restos fidelaj por ke nia intelekta libereco ne pereigu nian moralan unuecon

R. de SAUSSURE.

## LITERATURO

### Kristnaska nokto

Kristnasko de malfeliĉa por Francujo jaro 1870 alvenis. Parizo ĝemis ĉirkaŭata per rondo de venkantaj Preŭsoj dum la cetera mondo ĝoje festis alvenon de plej belaj festoj de paco kaj kvieto. — Estis senbrua, stelriĉa antaŭvespero. Ĉirkaŭaĵon de Parizo kovris freŝblanka neĝo brilanta en dubebla lumo de pala luno. Profilo de urbego kun palacoj, preĝejoj kaj bastionoj desegnis sin akre en stela ĉielo. Ĉie reĝis sankta senvoĉeco. Nur post muroj estis vivo, en profundaj fosaĵoj, en kiuj ĉi tie kaj tie brulis malgranda fajro; ĉirkaŭ fajrejo, plej diverse grupiĝintaj staris francaj soldatoj kun malaltaj kepoj. Kelkaj interparolis, aliaj trinkis el boteloj kaj eĉ gaja strata kanteto sonis de ie. Estis nur malmultaj, kiuj, sidante senvoĉe, rigardis malproksimen Al tiuj apartenis eĉ juna kuraĝa kapitano; li profunde meditis, fiksante okulojn sencelen...

Li pensis pri hejmo ie en suda Francujo, en animo vidante siajn karajn ĉe komuna tablo sidantajn. Ne ĉiuj ĉeestas; unu loko estas malplena: estas la lia. — Infanoj demandas patrinon, kiam patro revenos kaj ĉu eĉ lin vizitos Jesueto. Juna, bela edzino respondas jese, sed samtempe ŝi deturnas kapon, por ke infanoj ne ekvidu larmojn en ŝiaj okuloj. Kaj ili nenion ekkonas; ili ne scias, ke ilia patro fruntestaras hodiaŭ en nigra foso kontraŭ malamiko, ĉiumomente preta oferi sian vivon al patrujo (?). — Lipoj de kapitano konvulsie ektremiĝis kaj nur pene li detenis larmon.

« Sinjor' kapitano, mi petas obeeme kelke da minutoj liberaj », kaj, fingrojn haltante ĉe kepŝildeto, stariĝis juna soldato antaŭ kapitano. Ĉi tiu malreviĝis. Kiam soldato ripetis denove sian peton li ekkriis mire: « Ĉu vi perdis prudenton? Ĉu vi ne scias, ke mi neniun devas eĉ nur por momento forpermesi? » « Kapitano, mi tamen kuraĝas peti permeson denove; vi tion ne bedaŭros. »

« Neeble », respondis kapitano klare, « tiam mi devus permesi al tuta kompanio foriri en urbon». « Mi ne volas iri en urbon, sed tien » respondis soldato, montrante al remparoj de malamikoj, de kie etendiĝadis bruo kaj vokoj:

« Halt, wer da? ».

Kapitano miregis ekkriis: Sensaĝulo! kion vi intencas fari tie — antaŭ malamikoj? Se vi forlasos fosaĵon, ili tuj komencos pafi sur vin kaj vi edziĝos kun morto ». « Sed sinjor' kapitano, ne fariĝos tiel, se ili ne ekvidos ĉe mi batalilon. Mi vin petegas, ne volu eksciI mian intencon antaŭ ĝia plenumo ». Kapitano konis soldaton kiel homon kleran, tre bone konatan en francaj literaturaj aferoj, kaj tiel, ne timante ke la kuraĝulo faros malhoneston, li diris post momento: « Do mi permesas, sed nek per unu haro mi jures vian vivon ».

Soldato salutis kaj foriris. Metinte sur teron sian pafilon, li lerte elsaltis el fosaĵo sur neĝokovritan ebenaĵon. Liaj kolegoj atente rigardis super fosaĵojn por vidi, kio fariĝos.

Foririnto estis bone videbla en hela lunbrilo sur blanka neĝa tapiŝo Germanaj postenoj silentiĝis: neniu kuraĝis pafi sur fremdulon, kiu haltis kaj salutis malamikon.

Kaj aŭdu! Tra trankvila nokto sonas bela franca kanto kristanaska, per riĉa sono kaj kun varma entuziasmo kantata. Amikoj, eĉ malamikoj detenas spiron kaj aŭdas per tuta animo. Neeldirebla ĉarmo okupis ilin.

Kanto sonas tra mallaŭta nokto kiel sono venanta el regionoj paradizaj, kie ekzistas nek krimo nek malamo. Ĉiu el brutalaj militistoj rememoras malproksiman patrujon kaj varman hejmon; en ĉies okuloj, dekutimintaj jam de longe plori, brilas larmo.

Kanto finiĝis. La soldato, salutinte, turniĝis kaj revenas al fosaĵo.

Malsupren saltinte, li estas superŝutita per laŭdaj vortoj; eĉ kapitano alrapidas kaj ekpremante lian manon, esprimas siajn sentojn kaj dankojn.

Subite ĉiuj estas alvokitaj rigardi ankoraŭ unufoje post remparon: el malamika posteno eliras granda soldato kaj proksimiĝas; haltinte, li komencas kanti per forta voĉo unu el plej belaj kantoj germanaj. Surprizitaj Francoj aŭskultas ĝis al fino, kiam la soldato, salutinte laŭ ekzemplo de sia antaŭulo, reiras malaperi en fosaĵo.

Kaj aŭdu! El germanaj remparoj resoniĝis ĝojaj elvokoj. Weihnacht! Weihnacht![1] kaj entuziasmitaj Francoj laŭvice respondas Noël! Noël! Por momento degelis glacia krusto sur la koroj de obstinaj malamikoj kaj ĉiujn kunigis ligilo de humaneco kaj de paco.

[1] Kristnasko.

Luna brilo estingiĝis, horizonto eklumiĝadas — ekiĝas kristnaska mateno; griza nubo vualas montetojn ĉirkaŭantajn Parizon. Ŝajnas, ke ĉio dormas — subite ruĝa fulmo sur malproksima monto traboras malpezan nubon kaj en matena aero ekbruegas pafo kiel tondro; unua preŭsa grenado eksplodis proksime de franca fosaĵo. El tiu eksonis klare unua salvo. Post kelke da momentoj similis ĉirkaŭaĵo de Parizo al gorĝo de granda vulkano eljetanta morton kaj detruon.

Pacaman nokton sekvis sangsoifa mateno...

Trad. *Kühnl Ed*, el V. Ĉerny.

JANUARO

## LA NAJTINGALO

Mia Belulino,

Iafoje, estis vi vidas, ke mia novelo komencas kiel vera rakontaĵoj landsinjoro, kiu, pro sia grandanimo, estis amata de ĉiuj siaj vasaloj. Li estis efektive bona al ĉiuj: al potenculoj same kiel al malriĉuloj, al humiluloj kaj al siaj samranguloj. Kiam vojaĝantoj petis de li rifuĝejon, li bonege kun ili agis, servante mem al ili ĉe la manĝado kaj atentigante la servistojn, ke ili ne forgesu la ĉevalojn, kiuj ĉiam trovis freŝan pajlaĵon en la ĉevalejo. Se, promenante, li ekvidis birdetojn falintajn el la nesto. li delikate prenis ilin kaj reennestigis en la lanugan kuŝejon Oni memoris, ke en vintra tago oni vidis lin alportantan, en lia duka mantelo, kompatindan ŝafideton. kiun li estis trovinta tremantan pro frosto kaj mortiĝantan pro malsato sur la neĝo, ĉar tiu ĉi landsinjoro estis plena je speciala amemo kontraŭ la bestoj, tiuj senanimuloj, kiuj ne povas plendi, kaj kiam li iajn el ili vidis suferantaj, lia koro pleniĝis je kompato, kaj larmoj aliris liajn okulojn.

Jes, li estis bona, tre bona, kaj tia, kvankam li estis feliĉa, kio multe plivalorigas lian indecon. Ĉar se vere estas, ke feliĉeco emas al la bonvoleco, ĝi tamen ne instigas nin ĝis partopreno al la malfeliĉeco de la aliaj. Oni bone komprenas, oni vere bedaŭras nur la dolorojn, kiujn oni elportas, aŭ almenaŭ, kiuj minacas vin. La floroj de kompato nur ekfloras post pluvo de larmoj: ili estas noktofloroj, kiujn la ĝoja suno fermigas. Feliĉeco ĉiam estis iomete egoista, ĝi konfuzigas blindigas, kaj tio estas eble granda bono, ĉar' ekzistas malmulte de feliĉaj homoj en tiu ĉi mondo, kaj ili estus ankoraŭ pli malmultaj, se ili pensus pri la suferadoj de la aliaj. Ĉu estas eble, mi demandas vin, volupteme ĝui bonan manĝon, kiam oni pri tiuj pensas, kiuj, en la plejproksima domo, mortiĝas pro malsato. Kaj ĉu estus necese, ke la feliĉa amanto ĉesu karesi sian amatinon, kaj iru konsoli la perfiditulojn? Ne, malriĉeco, perfido, malsanoj, estas malgajigaj, malagrablaj aferoj pri kiuj prefere estas ne pensi, kiam oni sufiĉe feliĉa estas por esti libera de ili; feliĉaj homoj postulas. ke pri tio oni ne parolu.

Ho! kian beletan rakonton pri tio verkis Jules Lemaître *(Jul Lmetr)*, mia belulino!

Sed, ni reparolu pri nia landsinjoro. Li pensis li, pri la malfeliĉoj de la aliaj, li kompatis la nefeliĉulojn kaj ilin amis, kio estas ankoraŭ la plej

## REVUO DE L'JARO 1907

La nun finiĝanta jaro 1907 ne prezentis unu el tiuj gravegaj okazintaĵoj, kiuj havos poste ian nepridisputeblan influon en la historio, sed multajn kaj variajn atentindajn faktojn ĉu en politiko ekstera, ĉu en politiko interna. La pacifistoj kaj pacemuloj unue kontentiĝu pro tio, ke nenia interlanda milito okazis dum la jaro. Se la Haga konferenco, al kiu kelkaj alliĝis multajn trofruajn esperojn, ne donis aparte kontentigan rezultaton, oni tamen devas konstati, ke la paco daŭras regi kaj malgraŭ la diversspecaj pesimistoj daŭros regi verŝajne dum longa tempo. Kvankam la elspezoj por la armeoj senĉese pligrandiĝas, kvankam ne sukcesas plene la pacifistaj penadoj, ajn ia milito estas nun tro riskoplena kaj la rezultatoj, eĉ por la venkinto, estus tro dubaj kaj tro pereigaj por ke iu regnoprenu sur sin senpripense tiun pezegan respondeblecon antaŭ la historio. Kontraŭe, en la lasta tempo, oni konstatis senteblan pliboniĝon en la politiko internacia, kaj tion oni ŝuldas al la diversaj vizitoj, kiujn faris al si reciproke la monarĥoj de la grandaj regnoj. En la komenco de l'jaro sinsekvaj vizitoj de l'reĝo de Anglujo en Parizon, poste en Italujon kaj Hispanujon; tio elvokis siatempe kelkajn akrajn komentariojn de la germana gazetaro, sed tiu malkontentigo malaperis pro la lasta vizito de Vilhelmo II[a] al la reĝo de Anglujo; tiu jam de longe dezirata intervidiĝo signis la komencon de pli bonaj rilatoj inter Germanujo kaj Anglujo, kiujn apartigis ĉefe ekonomia konkurenco. La plej grava okazintaĵo kaj la plej timinda malpaciĝilo estis liverita de la Marokaj aferoj, kiuj tute ne estis finitaj kaj reguligitaj per la akto de Algesiras. La mortigo de kelkaj francaj regnanoj en tiu malordega imperio sekvigis francan kaj hispanan militiron kontraŭ Maroko, en la celo « restarigi la ordon », laŭ la formulo de la kancelarioj. La germana regnestraro, kies intermeto estis timata, en tiu okazo neniel protestis, komprenante la necesecon de reordigo en Maroko kaj esperante aliajn kompensaĵojn en turka Azio, kie ĝia enmiksiĝo senbrue pli kaj pli antaŭeniĝas. En tiu afero, Anglujo donis sian moralan apogon al Francujo kaj tio ĉi verŝajne evitis aliajn komplikaĵojn. Bedaŭrinde, la ordo tute ne estis restarigita, kaj, kvankam Francujo klare esprimis sian intencon, ke ĝi ne deziras militokupi Marokon, oni ĉiam povas timi ian neantaŭvideblan okazon, kiu elvokus novajn interregnajn malkonsentojn.

Alian certigon de paco donis la definitiva subskribo de interkonsento inter Rusujo kaj Anglujo, kiu estas tre grava ĉefe por la restigo de l'paco en Oriento. Simila traktato estis subskribita inter Francujo kaj Japanujo.

En Ekstrem-Oriento, la atendita konsekvenco de la milito rusa-japana, okazis: Koreujo fariĝis kvazaŭ posedaĵo de Japanujo; la imperiestro devis demeti la estrecon, la Korea armeo estis anstataŭita de la japana, malgraŭ la energiaj sed sensukcesaj protestoj de la Koreoj. Cetere, la japana potenco fariĝas ĉiam pli kaj pli entrudema, la Japanoj elmigras ne nur en Ekstrem-Orienton, sed ankaŭ en bonegan landon, en Unuiĝitajn Ŝtatojn kaj en Kanadon. Tio estis kaŭzo de grava malkonsento inter Japanujo kaj Unuiĝitaj Ŝtatoj unue, kaj poste inter Japanujo kaj Kanado, sed la lasta estis malpli grava pro la liga traktato inter Anglujo kaj Japanujo.

Citante ankoraŭ milititon inter Honduraso kaj Nikaragvo-San-Salvadoro, kaj malkonsenton rapide finitan inter Meksiko kaj Gvatemalo, ni tiam havos proksimuman ideon pri la vivo de la ekstera politiko dum 1907.

* * *

La enlanda politiko estis tre aktiva en kelkaj landoj. Nur flugrapide ni povas rememorigi pri la ĉefaj okazintaĵoj.

Francujo, kiu ordinare estas tre novema, havis politikan vivon sufiĉe trankvilan ĉefe en la lasta duono de la jaro. La antaŭan jaron, la spiritoj estis priokupitaj de la demandoj elvokitaj de la apartigo de la eklezio el la ŝtato. Kvankam papo Pie X[a] neniel volis akcepti la novan leĝon kaj submeti sin al ĝiaj kondiĉoj, la malpaco religia, kiun antaŭvidis kelkaj, ne okazis, unuflanke ĉar la registaro faris multajn koncedojn, aliflanke ĉar la publika opinio rapide laciĝis pri tiu demando. La franka eklezio perdis siajn bienojn en tiu aventuro, sed ĝia influo kaj unueco tute ne estis rompitaj. La demandon pri la eklezio kaj la ŝtato anstataŭis la afero pri la rajto de la ŝtatoficistoj al la sindikatanigo. Tiu okazintaĵo kaj la tendenco de l'socialismo al la energia antimilitarismo, kies Herve estas protagonisto kaj propredikanto, kaŭzis la atenditan rompon inter la socialistoj kaj la radikaloj, kiuj, sub la estreco de Clemenceau, emas al pli konservativa kaj aŭtoritatisma politiko. La plej grava fakto estis ŝen ia dubo la ribelado de la sudaj regionanoj pro la malbona vendado de la vinoj, kiu mizerigis multajn regionojn antaŭe prosperajn. Dum kelkaj tagoj, Francujo ŝajnis la teatro de vera revolucio, kiu feliĉe ne longe daŭris, ĉar la vinkulturistoj komprenis, ke la armiloj ne solvos tiun ekonomian demandon. La ministraro Clemenceau venke kontraŭbatalis ĉiujn atakojn kaj sukcesis restarigi la ordon en la plej danĝera momento; ĝi ankaŭ venkis la parlamentajn intrigojn kaj konservis al si atentindan plimulton, sen la bezono de la socialistaj aŭ de la konservativaj partioj.

En Britujo, la liberala ministraro daŭras regi, sed ĝia plimulto ne estas tiel certa kiel ŝajnas. Plie, pro la arkaika organizo de la ĉambro de la nobeloj, ĝi ne povis plene efektivigi siajn promesojn. En tiu lando la feminismo faris tiel grandajn progresojn, ke la virinoj absolute deziras ricevi la balotrajton kaj por tio, ili uzas revolucieĉajn rimedojn kontraŭ kiuj la vira afableco devas fleksiĝi. Dum kelkaj tagoj kunvenis en Londono la reprezentantoj de ĉiuj Britaj kolonioj en solena konferenco, kiu, se ĝi ne liveris praktikajn rezultatojn, firmigis la ligilojn ekzistantajn inter la diversaj kolonioj de la Brita imperio. En la plej bela el tiuj kolonioj, en Hindujo, okazis kelkaj ribeloj kaŭzitaj pro la deziro de la Hindoj, al pli granda memstareco. Al tiu lando Britujo devos eetere pli-malpli frue doni pli grandan liberecon, se ĝi volas, ke Hindujo konservu al ĝi la saman ĝisnunan fidelecon. Forirante de Britujo, ni ne forgesu citi la gravan minacon de ĝenerala striko de la fervojistoj, kiu estis evitita ĝuste antaŭ la vizito de la imperiestro de Germanujo en Londonon.

En Germanujo, okazis plena ŝanĝo en la imperia politiko. Oni rememoras, ke la demando kolonia estis la kaŭzo de tiu subita ŝanĝo. La katolika centrumo, kiu ĝis tiam estis la plej fortika subtenanto de la regnestrara politiko, rifuzis aprobi la krediton por la koloniaj militaroj. Vidante la disiĝon de sia ĝisnuna plimulto, kanceliero von Bülov forpermesis la Reĥstagon kaj rekte alvokis al la voĉo de la popolo, kiu donis al li la venkon kaj novan plimulton « nacian ». La socialistoj ne estis favoritaj de la sorto kaj ricevis gravajn batojn ne atenditajn; kontraŭe la centrumo revenis tiel fortika kaj tiel unueca kiel ĝi estis antaŭe. La venkon havis la diversaj partioj konservativaj kaj liberalaj kunigitaj por tiu cirkonstanco. Sed la nova plimulto liberal-konservativa konsistas el tro diversaj elementoj por ke ĝi havu tre longan vivon kaj antaŭ ne longe okazis la unua ekrompo. Oni diversfoje antaŭdiris la eksiĝon de kanceliero von Bülov, sed ĝis nun tiu famo montriĝis neĝusta kaj trofrua. Cetere, la Germana politiko en tiu ĉi jaro ne prezentis refreŝigan vidaĵon. La opinio publika estis forte ekscitita per la afero Eulenburg-von Moltke-Harden, kiu elvokis gravajn skandalojn politikajn kaj moraĵn kaj tute ne estas ankoraŭ finita. En Prusujo, la registaro ĉiam penas germanigi Polujon germanan per severaj leĝoj, kiujn malaprobas la plej multaj liberalaj politikaj.

Rusujo daŭris elvoki la atenton de la tuta publiko. En unu jaro, ĝi balotis du Dumojn kaj forpermesis unu. Oni rememoras, ke dua Dumo elektita en la komenco de l'jaro enhavis plimulton maldekstruman kaj ekstreman. Kiel antaŭvidite, ĝi povis fari nenian utilan laboron ĉu pro la malbonvolo de la registaro, ĉu pro sia heterogeneco; per siaj pretendoj ĝi en malmuto da tempo fariĝis danĝera por la registaro, kiu uzis facilan pretekston por ĝin forpermesi. Plie, por eviti ke la tria Dumo ne

bona maniero ilin helpi, tial ke plej akraj mizeregoj estas en la koro. Li do ne limiĝis nur sendi al siaj subuloj mono kajn provizojn, vestojn kaj sanigilojn, li vizitis ilin, sin interesis pri ilia vivmaniero, paciĝis disputojn kaj kunigis geamantojn diskunigitajn pro la sorto aŭ pro malriĉeco.

Nu, okazis, ke tiu landsinjoro volis edziĝi, kaj liaj deziroj aliris al tiel bela kiel saĝa fraŭlino. Li kvazaŭe malsaĝiĝis pri ŝi (eble ŝi same kiel vi ridetis, mia belulino) kaj li intencis, ke ĉiuj liaj regatoj partoprenu lian ĝojon. Okazis en la tuta regno festoj kaj festenoj por glori tiun feliĉan edziĝon. En la landsinjora palaco, multnombra servistaro rapidis ornami per verdaĵoj la ĉambregojn, ŝuti sablon sur la kortojn, kaj pretigi la manĝotablojn. Fine alvenis la edziĝfesta tago : en la kapelo pleniĝita je la brilo de la torĉoj, intermeze de la feste vestitaj parencoj, de la amikoj, de la vasaloj, la kapelestro benis la geedzojn Poste, tenante sin reciproke per la mano, ili eniris la festenan ĉambregon, kun la postiranta amaso de la invititoj

Ha! mi certigas vin, ke belegaj estis la festenadoj! La Rejna vino kraketis en Bohemaj vitraĵoj la orsimila Sipra vino brilis en pokaloj el bruniĝita arĝento, kiujn la invititoj malpleniĝis per unu fojo, kaj la diligentaj paĝioj, kliniĝante la mallarĝajn kolojn de la akvovazoj, iris senînterrompe de unu tablo al la alia Sur granda katedro surhavanta la skulptitajn insignojn de la familio, la landsinjoro prezidis la festenon, li ridetis al ĉiuj kaj kun amema gesto karesis la maneton sian apogantan sur li.

La juna edzino nur malmulte manĝis, ŝi revis, kaj ofte aldirektis la rigardon al belega kaĝo, kie, antaŭe malplenaj manĝujoj, revis malfeliĉa najtingalo.

Tiu modesta birdo estis ŝia amiko Iun tagon, trakurante la arbaron kune kun siaj kunulinoj, ŝi trovis ĝin sur la musko : eble el la nesto forpuŝite de pli fortaj fratoj, ĝi estis tre malgranda kaj vundita de la falo; ŝi prenis ĝin, revarmigis ĝin sur sia brusto, zorgis kaj fine edukis ĝin dank' al multe da amemaj atentadoj.

Sed ha! kiel ŝi amis ĝin! Kiel obeante ŝian vokon, ĝi surflugis ŝiajn harojn aŭ beketis ŝiajn lipojn. En la nokto, kiam ŝi revis apud sia fenestro, atendante la *venonton*, ĝi sciis ŝin luli per ebriigantaj kantoj, denombrante al ŝi kiel poeto, kiel amanto, la feliĉecon de l'amo En la benitaj vesperoj dum kiuj la luno arĝentas la foliaron de l trempoploj, kiam nekonataj, konfuzigaj parfumoj ĉielen su preniras el la tero, kiam la animo de l'rozoj vagas tra la venteto, kiom da fojoj la princino sentis sian koron ekbati pro la najtingalaj kantoj. Si do ameĝis ĝin pro la donitaj zorgoj kaj la ricevitaj revadoj, kaj el ĉiuj aferoj pleniĝantaj la luksan gepatran loĝejon, ĝin ŝi nur volis kunpreni. Amanta virino devas ĉion ricevi de la edzo; ĉu tamen li povos donaci al ŝi tiun trezoron : malnovan amikon?

La kaĝon de la kara birdo la princino estis lokiĝinta tutapude je ŝi, sur brodita kuseno; sed en tiu nekonata palaco, la dolĉa kantisto mute staris, kaj ĝia amikino estis tute malĝojiĝita pro tiu silento Kial ĝi ne partoprenis la ĝeneralan ĝojadon, kial ĝi ne kantis, ĝi ankaŭ, la hosana'n kanton, por ilia edziĝa feliĉeco?

Landsinjoro, vidinte en la okuloj de sia amatino iom da melankolio demandis ŝin pri la kaŭzo: ŝi konfesis, ke el tio venis ŝia malĝojo, ke ŝi ne aŭdis la kanton de la najtingalo.

Tiam la edzo s ariĝis kaj alirante al la kaĝo, diris : « Afabla najtingaleto, amiko mia, kial ci ne kantas? ĉu ci ne vidas la gajecon de la kunmanĝantoj, kal la klaran vinon fluantan en la pokalegojn, kaj la tutajn kapreolojn alportitajn sur la tablon en arĝentaj pladoj kaj la bongustajn bulkojn, kiujn oni disdonas laŭvice? kantu najtingalo, kantu la ĝojon de ĉiuj; kantu por mia amatino, cia mastrino; mi ne estas malŝaĝe jaluza, mi komprenas, ke ŝi amas ŝin redone, sed devige estas kanti nian amon. Kantu, birdeto, kantu.

La kompatinda najtingalo ne estis manĝinta de la mateno; neniu el ĉiuj tiuj nekonatuloj estis pensinta pri ĝi, kaj la juna fianĉino, dum ŝi aŭskultis la dolĉajn dirojn de sia edzo, estis tute forgesinta la ceteron. La birdo sin sentis senforta; sed, por plaĉi al sia bela mastrino, ĝi estis tre kapabla morti. Gi do ekkantis, unue mallaŭte. poste pli kaj pli plenvoĉe. tiamaniere, ke la kunmanĝantoj ĉesis ridi kaj interparoli por ĝin aŭskulti

Gi diris la ĉarmon de la someraj noktoj, kiam la duone vualita luno estas dolĉa al la amantoj; ĝi diris la ĝojojn de l'amo timema, ĝiajn esperojn kaj ĝiajn kaŝatajn dolorojn; ĝi ankoraŭ diris la ebriecojn de la pasioj, kiujn oni kune partoprenas kaj la forgeson de la homaj malfeliĉoj elĉerpitan el rigardo Kaj laŭ tio kiam ĝi kantadis, ĝia voĉo fariĝis pli vibra kaj pli varma. Se ĝi iafoje haltis por permesi la spiradon : « Ankoraŭ, ankoraŭ, kantu, kriis al ĝi la princino » kaj ŝi iom pli kliniĝis al la edza mosto; ŝiaj malvigliĝitaj okuloj diris al li ŝian amemon; ĝi memoris iliajn dolĉajn fianĉiĝajn horojn, en la tempo, kiam la unuaj tre mallaŭte murmuritaj amkonfesoj, la unuaj kisoj reciproke donitaj sub la florantaj arbetaĵoj estis akompanataj de la varmega himno de la najtingalo La birdo senhalte kantis, malsato mordis ĝin en la interno ; ĝi tutproksime vidis belajn bulkojn, kies peceto estus ĝin savinta kaj ŝaŭmajn vinojn, kies guteto ĝin estus senso fiĝinta; kaj, kun seka lango, premita gorĝo, ĝi daŭrigis kanti.

Gi nun diris la profundajn ĝojojn de memofero por la amatoj, kaj kiel, kun premata koro oni povas festis ilian feliĉecon, kaj ĝia kanto estis tiel bela, ke la princino duone svenis ; ŝi klinis la kapon kaj formis la okulojn ; la landsinjoro kliniĝis al ŝi kaj, por sin revivigi, li malrapide almetis siajn lipojn al ŝia kuŝo. Ili tiel daŭre restis senkon ciaj pro la ebrieco de tiu kiso, ke ili ne aŭdis, ke la kantado haltas. La najtingalo estis mortinta.

Estas tiamaniere, mia belulino, ke la tiel bona landsinjoro, tiel bona ke suferado de muŝo ĉagrenis lin, lasis morti, antaŭ siaj okuloj kaj antaŭ servita festeno, la najtingalon, kiu kantis amon kaj kiun bulkopeceto estus savinta.

El *Rakontoj al mia Belulino*, de *Bach-Sisley*, trad *L. Touchebeuf*.

## PROVERBOJ

Espero kaj pacienco kondukas al potenco.
Komenco bona, laboro duona.
Post bona vento, subita silento.
Kiu regalas per ŝtonoj, tiun oni batas per bastonoj
Kie regas virino, malbona estas la fino.
Ofta festo, malplena kesto
Riĉiĝas ne enspezo, sed prudenta elspezo.
Tablon ornamas ne tuko sed kuko
Ni forgesas averton, ni memoras la sperton.
Du militas, tria profitas.
Pli valoras propra ĉemizo, ol fremda plena valizo.
Homo pafas, Dio trafas.
Ju pli da honoro des pli da laboro.
Ne demandu scienculon, demandu spertulon.
Se stomako doloras, kapo laboras
Mizero faras viz ton, ne atendante inviton.
Pri la ŝtrumpa truo, scias nur la ŝuo.
Kiu ne estis kaporalo, ne estos generalo.
Inter la blinduloj reĝas la trabuloj
Virino havas haron longan, sed saĝon mallongan.
Ne karesu per mano, sed karesu per pano.
Nur ne tiu ne eraras, kiu neniam ion faras.
Fidanta al vorto atendas ĝis morto.

(El *Proverbaro Esperanta*, de *M F. Zamenhof*.)



estu samopinia kun ĝi, la registaro elpensis kaj trudis novan balotleĝon malpli liberalan, kiu celis liveri al ministraro Stolypine Dumon konservativan kaj dekstruman. Tiu deziro estis kontentigita. La tria Dumo havas grandan plimulton konservativan kaj « oktobranan », tute favoran al la registaro, sed ĝi neniel reprezentas la rusan popolon, kiu tute ne interesiĝis al ĝia baloto kaj havas al ĝi nenian konfidon. Tiu nova Dumo jam kunvenis, sed ŝajnas, ke de ĝiaj pridiskutoj ne rezultos pli praktika laboro ol tiu, kiun produktis la antaŭaj. Kiel en la pasinta jaro, kvankam en pli malgranda nombro, okazis diversaj mortigoj, pogromoj, ekzekutoj politikaj, kiuj montras la akrecon de la situacio. La revolucio estis venkita dum kelka tempo, sed neniu povas antaŭdiri, ke tiu malvenko estos definitiva; eble la faroj de la tria Dumo elvokos ĝin denove pli vigle ol iam.

En Aŭstrujo, la universala balotado estis provita unuafoje. La fizionomio de la Parlamento estis multe ŝanĝita; la pure naciaj partioj estis la plej ofte venkitaj de la politikaj aŭ ekonomiaj partioj. La socialistoj havis aparte rimarkindajn sukcesojn. Dank'al sia nova konsisto, la Parlamento estos malpli dividata de la naciaj konkuroj aŭ ĵaluzoj; ilin anstataŭos la socialaj kaj politikaj demandoj. La nova Parlamento fine akceptis la traktaton kun Hungarujo, laŭ kiu multaj de longe pridispukitaj demandoj estis solvitaj. Se la lingva diverseco malpli agitis Aŭstrujon ol antaŭe, ĝi ankoraŭ estas la ĉefa temo de la Hungara politiko kaj elvokis ofte tumultojn en Kroatujo, kies regnanoj ne volas, ke oni trudu al ili la lingvon hungaran. Plie, diversaj manifestoj okazis por la universala balotado, kiu en Hungarujo ne ankoraŭ ekzistas.

En Italujo, okazis bedaŭrindaj skandaloj en la magistrataro kaj en la administracio. La proceso Nasi estis tuŝebla pruvo de la moroj ekzistantaj en kelkaj registaraj rondoj; kiel oni scias, ĝi estis okazo de fervoraj manifestoj de la Sicilianoj kaj Sud-Italoj por kaj pro la eksministro. En norda Italujo, okazis diversaj strikoj kaj provo de ĝenerala striko de la fervojistoj. Ni ne forgesu citi, kvankam ĝi multe preterpasas la limojn de Italujo, la enciklikon de la papo kontraŭ la modernistoj kaj por la ortodokseco de la doktrino katolika. Tiu dokumento elvokis multajn komentariojn kaj montris unu fojon plie, ke, en kiu ajn tempo, la eklezio nenian deflankiĝas de la tradicio.

Hispanujo vidis ion, kion ĝi ofte jam vidis. La liberalan ministraron anstataŭis konservativa ministraro ; la responda ŝanĝo okazis en la Parlamento kaj de tio sekvis nenio nova sub la suno hispana. La hispana armeo ankaŭ partoprenis en la Maroka militiro, sed tre limigis sian agadon, ĉar evidente Hispanujo nun jam ne havas ian kolonian ambicion. La najbara lando, Portugalujo, estis malpli trankvila. Car la registaro ne povis sin apogi sur la Parlamento, ĝi simple forpermesis ĝin kaj administris mem la regnon sen ĝia partopreno. Tio estis la stariĝo de la diktatoreco, kaj S-ro Franco, la ĉefministro, faris leĝojn kaj dekretojn sen konstitucia aprobo. Li pravigis sian konduton, asertante ke nenio bona estas farebla kun la helpo de la Parlamento, kiu estis la posedajo de kelkaj ambiciaj politikistoj. Malgraŭ la akraj protestoj de la diversaj partioj, la potenco de la ministraro Franco ne estis ŝancelata, ĉar la popolo ne montras grandan intereson al la politikaj aferoj. Tamen, laŭ lastaj informoj, la Parlamento estos baldaŭ elektata kaj la situacio fariĝos denove laŭleĝa.

La demando pri la akiro de Kongolando, ĝis tiam persona propraĵo de la reĝo, estis la ĉefa priokupo de la belgaj politikaj rondoj. Tiu transcedo estis afero principe decidita, sed ĝi ne okazas en sia disputoj, ĉar la reĝo ĝi volas vendi sian posedaĵon, sed ne intencas perdi sian rajton de mastreco super ĝi. La katolika partio kun ministraro Trooz daŭras venke kontraŭstari la penadojn de la socialista kaj liberala partioj por ĝin anstataŭi ĉe la supera potenco.

La vivo de la aliaj Eŭropaj ŝtatoj ne prezentas alian tre gravan okazintaĵon. Ni tamen citu en Balkanujo la agraran ribeladon en Rumanujo, kies konsekvenco estis la anstataŭo de ministraro konservativa per liberala, la dudekan jubileon de la princo de Bulgarujo, ĉe kies okazo oni povis konstati la gravajn progresojn efektivigitajn de tiu lando en la lastaj jaroj, politikan agitadon en Montenegro kaj Serbujo, tumultojn kaj intergentajn bataladojn en Makedonujo, la morton de la simpatia reĝo de Svedujo, kiu siatempe penis eviti militon kun Norvegujo en cirkonstancoj por li aparte malĝojaj ; la enkondukon de la universala balotrajto, eĉ por la virinoj, en Finlando.

La granda nordamerika respubliko estis la teatro pe gravaj financaj katastrofoj kaj bankrotoj, kiuj havis influon sur la tutmondan financistaron. Kiel kutime oni malkovris en kelkaj urboj subaĉeteblajn administrantojn aŭ „ graftojn " speciale en San Francisco. La konstanta enmigrado de la Japanoj kaj ilia entrudemeco estis kaŭzo de gravaj malkonsentoj, kiuj estis kvietigitaj de la registaro, sed la demando ne estas solvita kaj iam estos metata al la atento de la publiko en pli timinda formo. La regnestraro de Unuiĝitaj Ŝtatoj cetere instigas al la senĉesa pligrandiĝo de la militŝiparo kaj de la maraj armiloj por esti preta por ĉia eventualaĵo La oficotempo de prezidanto Roosevelt baldaŭ finiĝos kaj jam ekregas en la tuta lando granda politika agitado por la baloto de la nova prezidanto.

La Sud-Amerikaj respublikoj havis vivon sufiĉe trankvilan, escepte en centra Ameriko, kie la politika paco estas io ĝis nun ne konstatita. Se, transirante la Oceanon, ni alborďiĝas ĉe la Afrika tero, ni konstatas ribelon de la negroj de l'Germanaj kolonioj malfacile kvietiĝitan kaj plenan ĥaoson en Maroko, kie tri sultanoj disputas inter si la superan potencon. La eksrespublikoj Transvalo kaj Orango estis dotitaj je propra konstitucio kaj elektis sian memstaran Parlamenton ; oni antaŭvidas, ke post kelkaj jaroj kreiĝos Sud-Afrika konfederacio, kies organizo estos simile al tiu de la du aliaj Britaj kolonioj, Kanado kaj Aŭstralio. La ekonomia situacio de Transvalo ne estas nun plene kontentiga kaj estas komplikita pro la demando pri la laboro de la negroj kaj ĥinoj en la minejoj.

Persujo provis akcepti parlamantajn instituciojn, sed ĉar ĝi ne estis preta por tio, tio elvokis politikan anarkion, kiu ne estas proksima al la fino. Car ni estas en Azio, ni ne forgesu la progreson realiĝitajn en Hinujo dank'al la enpenetrado de Japanujo kaj de ĝiaj „civilizantoj". Kvankam tio fariĝas sen bruo, ĝi tamen estas konstatebla kaj iam nin surprizos en maniero neatendita.

Ni finis nian promenadon tra la mondo kaj ektuŝis la ĉefajn faktojn de la politiko nacia kaj internacia, sed eble ni erarîs... La ĉefaj faktoj, kiel iu diris, estas ne tiuj, pri kiuj diskuras famoj tra la tuta mondo, ne tiuj, per kiuj la gazetoj nutras la scivolon de sia publiko, sed la veraj ĉefaj faktoj estas tiuj ĉi, kiuj okazas interne de ni en la plej silenta momento. for de la bruo de la parlamentejoj kaj de la babilado de la politikistoj ; sed en la nuna ĥaoso, kiu povas antaŭsenti la grandajn ideojn, kiujn naskis 1907, kiu povas aserti, ke niaj posteuloj jetos iam ian rerigardon al la jus finiĝinta jaro? Ne, ni ne provu eltiri konkludojn kaj montrojn por la estonteco; ni simple forsalutu 1907 kaj rigardu al 1908 kun tia konfidemeco kaj espero, kiujn al ni donas la sento de l'nekonataĵo.

A. R.

ĝoje konstatis, ke il' estas multe pli multaj ol en Ge evo; li rimarkigis la gravan rezultaton ke anoj de 17 diversaj nacioj estas enskribitaj dum la pasinta jaro. Fine, laŭ la tagordo, oni longe diskutiĉ kaj oni vocdone akceptis la regularon definitivan, kaj post diversaj rimarkoj la kunsido finiĝis je la 7a. La ĝenerala sekretario: *Sergeant*

*Neoficiala ĝoja kunveno!* Jaŭdou 15a je la naŭa, okazis dua societa kaj goja kunveno, sed ne oficiala en restoracio Hartmann. Ankaŭ pli agrabla ol la unua estis tiu ĉi amika kunsido, ĉar bonvolis gin ĉeesti niaj tre « ĉarmaj juristinoj », kiel dirus mia amiko Page. Tre kortuŝita nia prezidanto Michaux (Fr) antaŭdiras la belan kaj gravan estontecon de nia kara societo kaj trinkas al ĝia prospereco, poste oni aŭdis S rojn Lambert kaj Ellis (Angl), Ampt (Unuig Stat), Sergeant (Fr.), k c. Kaj fine nian ĉiam ĝojan Page (Skot), kiu kantas siajn verkojn dum ludas pianoforte bona kunfrato Pino (Gispl). Finiĝis post la 1'a tiu ĉi tre mallonga kunveneto, kaj oni disiĝis dirinte; « Ĝis la revido, kara kunfrato, je la proksima jaro, en Germanujo! »

**Nekrologio.** — Nia juna societo jam havis siajn funebrojn. Nia kara kunfrato S ro Gastou Duguesnoy, advokato en Saint-Omer (Francugo) mortis subite la lastan semajnon. Li estis unu el niaj plej malnovaj anoj de nia societo kaj lia morto estas tre granda doloro por ni ĉiuj. Ni respekte prezentas al lia vidvino kaj lia familio niajn tre kortuŝitajn kaj simpatiajn kondolencojn.

* * *

*Regularo voĉdonita de la IIa ĝenerala kunveno de la Societo en Cambridge'o la 12an de Aŭgusto 1907.*

I. — Estas fondita en Genevo, dum la IIa Universala Kongreso de Esperanto, sub la titolo kaj societa nomo: *Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj*, (I. S. E. J.) societo kiu celas:

1° Interrilate uzi Lingvon « Esperanto » laŭ « Fundamento » de Dr Zamenhof kaj « Bulonja Deklaracio » kiujn nepre aliĝas societanoj;

2° Disvastigi uzon de Esperanto inter la Juristoj;

3° Krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, ebligli la sendon de juristaj aktaroj k.t.p.

4° Verki esperantan juristan vortaron;

5° Eldoni artikolojn, sciigojn, k.t.p. de internacia juroscienco;

6° Konigi al fremdaj juristoj aŭ esperantistoj la juristajn esperantistojn elĉiu lando.

II. — L'I. S. E. J. kolektiĝas en ĝenerala kunveno, ĉiujare, dum la Esperantista Kongreso en la kongresa urbo.

Se okazas ke ne estas dum la jaro universala Esperantista Kongreso, la dato kaj loko de la ĝenerala kunveno estas decidataj de la Societa Komitato, dum la monato de Marto, kaj publikigataj en la jurnalo de l'I. S. E. J.

La ĝenerala kunveno kolektiĝas en la lando kiu enhavas la plej multajn anojn de la Societo. Tamen, la kunveno ne povas okazi du jarojn, sinsekve, en la sama lando.

III. — La ĝenerala kunveno, regule farita, riprezentas la anaron societan. Giaj decidoj estas devigaj por ĉiuj societanoj.

IV. — La ĝenerala kunveno ricevas la raportojn de la administra komitato, decidas pri la aprobo de la kalkuloj, pri la ŝanĝoj de regularo, elektas la komitaton.

V. — La Societo estas administrata de administra komitato, kiu konsistas el prezidanto, ĝenerala sekretario, kaj vic-prezidantoj naciaj.

La prezidanto kaj la ĝenerala sekretario estas elektataj por 5 jaroj, de la ĝenerala kunveno.

La naciaj vicprezidantoj estas elektataj, dum la ĝenerala kunveno, de la anoj de ĉiu lando, por 3 jaroj.

Neordinare, la ĝenerala sekretario finas siajn oficojn, post tri jaroj, je la unua elekto. La prezidanto kaj la ĝenerala sekretario ne estas tuj reelekteblaj,

La neĉeestantoj povas sendi siajn voĉdonojn per korespondo, almenaŭ kvin tagojn antaŭ la ĝenerala kunveno, sub duobla koverto.

VI. — La prezidanto kaj la ĝenerala sekretario korespondas kun la naciaj vicprezidantoj kiuj sin okupas pri la propagando, kaj ĉiuj naciaj aferoj de la Societo en ĉia lando.

Ĉiu vicprezidanto devas raporti pri la societaj aferoj en sia lando, almenaŭ kvarfojojn ĉiujare, al la ĝenerala sekretario, kolekti la kotizaĵojn, kaj fari en sia lando la neceson por la kreskado kaj administracio de la Societo. Provizore, la vicprezidantoj de la nacioj ne riprezentataj en la ĝeneralaj kunvenoj, estas nomataj de la Komitato.

VII. — En ĉia nacio, la vicprezidantoj havas la rajton proponi al la prezidanto delegitojn de la Societo, po ĉia granda jurista divizio en la nacio.

VIII. — La jara kotizaĵo estas 1 spesmilon, 2 frankojn 50, 2 ŝillingojn, aŭ 2 markojn, ĝi estas pagebla dum la monato de januaro.

IX. — La anojn de l'I. S. E. J. ricevas senpage la societan jurnalon.

X. — La komitato el donas ĉiudujare adresaron de la anoj, kun ĉiuj interesaj societaj sciigoj.

XI. — La regularo de la societo estas nur ŝanĝebla post diskutado en ĝenerala kunveno, enhavanta almenaŭ la duonon de la sociaj anoj. Tamen, ĝi estas ŝanĝebla de la ĝenerala kunveno sen alia kondiĉo ol la plimulto de la ĉeestantoj, se la ŝanĝo estas demandita per petskribo de la kvarono de la anoj, adresita unu monaton antaŭe al la ĝenerala sekretario, kiu devas tuj ĝin publikigi en la Societa jurnalo.

## MARISTA ESPERANTISTA LIGO

**Unua listo da aliĝoj al la Franca Sekcio:**

1. Sinjoroj: Rollet de l'Isle. Idrografia ĉefingeniero. — 2. Samuel Meyer. Ŝipmakleristo. — 3. René Mesny. Profesoro de Navigacio. — 4. Duchochois. Ŝipposedanto. — 5. Cot. Idrografia Inĝeniero. — 6. Fahrner. Ŝipleŭtenanto en la militŝiparo. — 7. Pélissier. Idrografia Inĝeniero. — 8. Féraud. Oficestro en la marista ministrejo — 9. Forestier Kolonia eksadministranto. 10. Roullin. Fregatestro en la Militŝiparo. — 11. Esperantista Grupo en Le Havre. — 12 Daré Oficisto. — 13 Corbineau. Farmaciisto. — 14. Houdart. Kuracisto. — 15. Richard. Direktoro de la Oceana muzeo en Monako. — 16. Volmat. Idrografia Inĝeniero — Le Quéré. Ŝipsubleŭtenanto et la militŝiparo. — 18. Cazeaux. — 19. Esperantista grupo en Angers. — 20. Denis. Dentisto. 21. Bourjade Posedanto — 22. Morault. Kompetentulo. — 23. Jeanneney. Inĝeniero — Bérenguier. Laboristo.

*Naciaj korespondantoj de la Ligo*

Germanujo. Sro Mybs, Markstrasse, 68, Altona, a E. — Anglujo. Sro Southcombe. Standford avenue Brigtan. — Danujo Sino Monster Gunvar. 54 B. W Osterbrogade Kopenhago

— Petu informojn de via samnacia korespondanto aŭ de Sro René Mesny en Granville Francujo.

## ANONCETOJ

*Kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**Goole** (Yorkshire-Anglujo). — S-ro Mollay, Custon House, deziras interŝanĝi poŝtajn kaj fiskalajn markojn; nepre respondos.

**London** (Anglujo). — H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Town, deziras aĉeti: *La Esperantisto*, 1889 ĝis 1895, jarkolektojn aŭ eĉ apartajn numerojn. Ankaŭ *Lingvo Internacia*, jarkolektojn nebinditajn, 1897, 1899. Ankaŭ deziras ricevi po unu ekzemplero de sekvantaj: *Espérantiste Canadien, La Stenografiisto, L'Esperanto*, (Nurnberg, 1889), *Mondlingvisto, Munĥena Esperantisto*. Ĉiu Grupo kiu eldonos novan gazeton estas petata sendi sciigon. *NE* deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilus.

**Voiron** (Isère-Francujo). — F-ino Jullien multe deziras interŝanĝi vidajkartojn koloritajn.

**Teyá** (Barcelona-Hispanujo). — S-ro Barrera, farmaciisto, deziras korespondi kun samideanoj ŝatantaj ĉiuspecajn Kagenmetitajn birdetojn, speciale neeŭropajn, pri iliaj movoj kaj nutrado

**Rotterdamo** (Holando). — S-ro G. Allard, direktoro de Granda Hotelo Coomano, Hoofsteeg 12 22, deziras korespondi kun alilandanoj.

**Douai** (Francujo). — S-ro Henri Coppin, 3, rue François-Cuvelle, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun esperantistoj el ciuj landoj.

**Chalon-sur-Marne** (Francujo). — Doktoro Jenny, 41, Faubourg Saint-Antoine, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj nefrancaj.

**Beaune** (Côte d'Or-Frankujo). — Sendu 80 Spesdekojn al S-ro J. Pion, Société Générale, kaj vi ricevos *belan kolekton da 13 ilustritaj poŝtkartoj esperantistaj de Beaune*; tiu karto estos afrankata sur la flanko vidaja.

**Amsterdam** (Holando). = S-ro S. de Vries, Zauriergracht, 108, fiziognomiisto, redaktoro de la rubriko *Grafologio* de la plej eminentaj holandaj gazetoj, prijuĝas la *karakteron laŭ portreto kaj manskribo*. Simplaj prijuĝoj 3 fr. (1.20 sm); detalaj *prijuĝoj 6 fr.* (2 40 sm).

**St-Polten** (Aŭstrujo). — S-ro Karlo Fuchs, 38 Wienerstrasse, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj per memfaritaj fotografaĵoj prezentante personojn kaj belajn pejzaĝojn.

**Bellegarde** (Ain-Francujo). — S-ro Richard, Internaciaj transportoj. — Esperantista konsulo, donos ĉiujn informojn al la Esperantistoj.

**St-Denis** (Seine-Françujo). — S-ro Gustave Tabresse, Maison Damoy, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun fremlanduloj; ĉiam tuj respondos.

**Goole** (Yorkshire-Anglujo). — S-ro J. D. Rodgers, 60 Wetherill Street, tre deziras interŝanĝi koloritajn poŝtkartojn kun fremdaj samlingvanoj speciale kun Britaj kolonianoj.

**Pskov** (Zaveliĉje-Rusujo). — S-ro V. Jackontov, deziras korespondi kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Voronoge** (Rusujo). — S-ro A.-Constantin Gregoire Wesselovsky, domo 20, strato Vyahereff. *Por l'atento de la esperantistiĝontaj vegetaranoj*: ia vegetarana familio, volanta perfektiĝi pri Esperanto per interŝanĝado de ideoj, proponas al simila sama fremlanda familio korespondadi, kaj reciproke sanĝi ilustritajn poŝtkartojn; korespondado inter infanoj de tiu ĉi familio estas aparte ŝatata.

**Mourmelon-le-Grand** (Marne-Francujo). — S-ro Merile Egret, 21, rue du Génie, donas al ĉiu komercisto informojn pri la regiono; aldonu poŝtmarkon per la respondo.

**Odensee** (Danujo). — S-ro Valdemar Johansen, 1 Roarsvej, deziras korespondi por interŝanĝo de ilustritaj poŝtkartoj; *ĉiam tuj respondos!*

**Roskild** (Danujo). — S-ro William Raith, Stra-Ho tans Kospitaj, deziras korespondi per ilustritaj postkartoj kun alilandaj geesperantistoj.

**Bilbao** (Hispanujo). — S-ro F. Sarzosa, strato Elcano, 3, 1e, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn; ĉiam respondos.

**Chaux-de-Fonds** (Svisujo). — Propagandaj *arte-ilustritaj* poŝtkartoj, po malkara prezo estas aĉeteblaj ĉe S-ino Houriet, la Chaux-de-Fonds.

**Sabadell** (Barcelona-Hispanujo). — S-ro P. Pascual advokato, via Massagué, 45, deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kun fremduloj.

**Barcelona** (Hispanujo). — S-ino Franciskino Igual, Calle Universidad, no 54, drogueria. Mi deziras korespondi per ilustrataj poŝtkartoj kun fremdaj Esperantistoj.

**Esperanto-Eldonejo.** — Karl Jost, Fröhlichstr, 40. *Zürich V-(Svisujo)*. Al ĉiuj geesperantistoj, estas rekomendataj la jenaj broŝuroj:

*Esperantista Kantaro.* 13 kantoj originalaj aŭ esperantigitaj por 4 voĉoj miksitaj, kolektitaj de Karl Jost. Prezo: 1 fr. (40 Sd).

*Memorajo de la dua Universala Kongreso de de Esperanto*, de K. Jost (unua broŝuro antialkohola). 20 cent (8 Sd).

*Lehrbruch der Esperanto Sprache*, de A. Nötzli. fr. 1 (40 Sd).

*La Kaprino de S-ro Seguin*, tradukis A. Yersin. 15 cent (6 Sd).

*Propagandaj poŝtkartoj*, 100 ekzempl. po fr. 1,50 (60 Sd).

Postulu la suprajn verkojn de via libristo aŭ rekte de la eldonisto. Al societoj esperantistaj, favoraj prezoj.

**Praha** (Bohemujo) — S-ro J. U. D-ro Biĉiŝte, ricevinte doktoran diplomon en Bohema universitato, petas ĉiujn gratulintojn ricevi sian sinceran dankon.

**London** (Anglujo). — S-ino P. Lewis, 11, Grosvenor Road, Chiswick, deziras interŝanĝi ilus. postkartojn; ĉiam respondos.

**Sabadell** (Barcelona-Hispanujo). — S ro J. Ferrer, muzikisto, Strato Paces, 61, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj.

**Sorèze** (Tarn. Francujo). — S-ro Cau, kolombofilo, vendas *vojaĝkolombojn*, raso Verviers. koio de nesto: 2 fr. 50 (1 sm) po paro. Maljuna, gekolomboj: 6 fr. (2.40 sm.) po paro; aŭ interjŝanĝas por fotografilo aŭ pligrandiga fotografilo-

**Aubry** (Nord-Francujo). — S-ro E. Philippe. El kiu nefranco mi ricevos 50-200 uzitajn miksitajn *poŝtmarkojn* sialandajn aŭ nefrancajn, mi tuj resendos al ĝi saman kvanton da francaj aŭ nesialandaj. Ankaŭ interŝanĝos 20-50 malsamajn samkondiĉe.

**Bukareŝto** (Rumanujo). — D-ro Kimel sciigas siajn korespondantojn, ke pro tempomanko li ne povas plu daŭrigi la korespondadon.

**Caterham Valley** (Surrey-Anglujo). — F-ino Willmore. « The Hydro », deziras korespondi per bildpoŝtkartoj kun alilandaj gejunuloj.

**Montouzon** (Aube-Francujo). — S-ro J. Guillaume, interŝanĝas poŝtkartojn. Nepre respondos.

**Troyes** (Aube-Francujo). — S-ro G. Jung, 14, rue de la Guérarde, interŝanĝas poŝtkartojn; nepre respondos.

**Le Locle** (Svisujo) — S-ro Th. Roniger, komizo deziras korespondadi poŝtkarte aŭ letere kun ĉiulandaj geesperantistoj el ĉiuj partoj de l'mondo.

**Assencières** (Aube-Francujo). — S ro L. Gallois interŝanĝas poskartojn. Nepre respondos.

**München** (Germanujo). — S-ro Morgenroth, Telegramt, interŝanĝus ĉiuepokajn Bavarajn poŝtmarkojn kontraŭ diversaj de aliaj landoj laŭ sama nombro.

**London** (Angluio). — S ro C.-A.-S. Browne, reklamisto, 53 et 54 Wych Street, London W. C., kontentiĝos korespondadi kun Esperantistoj koncernante anoncadon en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**London** (Anglujo). — S-ro James Weir, 17, Rossetti Buildings, Westminster, S. W, alilanda korespondanto de la « City of Westminster Lodge I. O. G. T. » deziras ricevi periode sciigojn pri la abstinenca movado en ĉiuj landoj. Ĉiaj informoj estos danke ricevataj.

**Amsterdama Pioniro.** — Oni abonu ĉi tiun revuon, kiu eliras ĉiumonate; 16 paĝa, 2 lingva. Abono 1.25 sm. Administracio, Singel, 386, Amsterdam.

**Superaguy** (Parana Brazilujo). — S-ro M. A. Costa Pinto, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun geesperantistoj Respondu tuj. Petas poŝtkartojn kun bildo de urbo.

**Roanne** (Loire-Francujo). — Max Bousquet 3 *jara kaj* 1/2 sendos siam fotografaĵon kaj respondos kelkajn vortojn al ĉiuj fremdaj geesperantistoj, kiuj skribos al li *tre legeble* per poŝtkartoj ilustritaj, aŭ faros al li ian ajn alian agrablan sendaĵon.

**Banka-Voronej** (Rusujo). — D-ro A. A. Romanov deziras korespondadi kun samideanoj pri *kuracistaj* kaj diversaj aliaj aferoj.

**Praha** II 147 (Bohemujo). — S-re Kral Obory R Hromadr deziras interŝanĝi il. poŝtkartojn kun esperantistoj de ĉiuj landoj.

**Rimacarie** (Loire. Francujo). — S-ro Ferrières, 90, rue Gambetta, korespondas kun ĉiuj fremdlandaj esperantistoj.

**Troyes** (Aube. Francujo). — S-ro Maurice Mathieu, 57, rue de l'Hôtel-de-Ville, deziras korespondi esperante kaj germane. per poŝtkartoj, kun alilandaj gesamideanoj; tuj kaj nepre respondos.

**Davos-Platz** (Svisujo). — S-ro pastro Schneeberger, prez. de la Svisa Esp Societo, faros propagandan paroladon en Davos la *28an de januaro*. La Esp. sportamantoj estas petataj tie kunveni kaj partopreni Esp. festeton. La 8an kaj 9an de februaro, okazos la *vetglitkurado* de la plej spertaj glitkurantoj de l'mondo. Por la bobveturadoj speciala sportstrato estas konstruita (someron 1907) kaj feste malfermita la 21an de decembro. Oni povas skribi Esperante al S-ro A. Stiffler, sport-hotelo central, *Davos-Platz* (Grisons).

**Prairie du Chien** (Wiskonsin. U. S. A.). — S-ro J E Errary dekiras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun geesperantistoj.

**Staplehurst** (Kent. Anglujo). — S-ro E. R. Bugden, Kristofo, *abelkulturisto* moderna, deziras korespondi kun Eŭropanoj kaj Aziaj geabelkulturistoj.

**Manlleu** (Katalanujo. Hispanujo). — S-ro L. Coll Calves, Tomas Castellnon kaj F. Aguilar korespondas kun ĉiuj Esperantistaj gefremduloj.

**Odense** (Danujo). — S-ro H. Rasmussen, komprinsensg, 39, deziras interŝanĝi ilustr. kartojn koj markojn kun ĉiuj gealilandanoj

**Rotterdam** (Holando). — S-ro S Allord, direktoro de de granda *hotelo Coomans*, Roterdamo, sendas al ĉiuj gesamideanoj siajn bondezirojn por la nova jaro 1908.

**Tarencon** (Cuenca. Hispanujo). — S-ro L. Larranaga deziras korespondi poŝtkarte. Preferas vidaĵojn de pontoj aŭ kiu ajn inĝeniera laboro.

**Odensee** (Danujo). — S-ro L. P. Larsen, Vestergadı. 40 II. deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Sabadell** (Hispanujo). — S-ro J. Oriach, srta Calderon, 51, deziras korespondadi kun ĉiulandaj samideanoj.

**Praha** II 543 (Bohemujo). — S-ro Karel Schwarz deziras interŝanĝi ilust. poŝtkartojn kun neeuropaj gesamideanoj.

## AL NIAJ LEGANTOJ

**La direkcio de ESPERANTO sendas al ĉiuj siaj legantoj siajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro 1908a.**

TRA

LA

## ESPERANTA LITERATURO

Ni eltiras la jenan fragmenton el la bela traduko de D-ro Zamenhof *La Revizoro*, kiun devas legi ĉiuj Esperantistoj La temo de tiu fragmento estas : la urbestro volas sin revenĝi al la komercistoj, kiuj lin denuncis al pseŭdorevizoro.

SCENO IIa — ACTO IVa

*Urbestro.* — Ha, bonan tagon, miaj plej amataj!

*Komercistoj (salutante).* — Ni deziras al vi sanon, mia patro!

*Urbestro.* — Nu, miaj kolombetoj, kiel vi fartas? Kiel iras via komercaĵo? kio, samovaristoj, arŝinistoj, plendi vi ekvolis? Arĥifriponoj, protokanajloj, maraj trompistoj! Plendi? Nu, multe vi atingis? Jen, ili pensas, oni tuj metos lin en malliberejon!... ĉu vi scias, sep diabloj kaj unu diablino batu al vi la dentojn, ke...

*Urbestredzino.* — Ha, mia Dio, kiajn vortojn, Antoĉjo, vi ŝutas!

*Urbestro.* — Ha, ne estas nun la tempo por pensi pri vortoj! ĉu vi scias, ke tiu sama oficisto al kiu vi plendis, edziĝas nun kun mia filino? Kio? Ha? Kion vi nun diros? Nun mi vin!... Vi trompas la popolon... Vi faras kontrakton kun la regna kaso — pri centmil rubloj vi ĝin trompas, donante putran drapon, kaj poste vi oferdonas dudek arŝinojn, kaj vi postulas ankoraŭ, ke oui donu al vi recompencon por ĉi tio! Ja se oni scius, oni vin... Kaj li ŝovas ankoraŭ antaŭen sian ventron : li estas komercisto, lin ne tuŝu. « Ni — li diras — ne staras pli malalte ol la nobeloj », Jes, nobelo... ha, vi, abomena besto! Nobelo lernas sciencojn; lin oni eĉ vergas en la lernejo, sed pro afero bona, por ke li sciu ĉion utilan. Kaj vi kio estas? Vi komencas per friponaĵoj, vin la mastro batas por tio, ke vi ne scias trompi. Kiam vi estas ankoraŭ bubeto, ne scias ankoraŭ « Patron nian », vi jam trompas; kaj kiam via ventro bareliĝas kaj vi plene ŝtopas al vi la poŝojn, tiam vi levas la nazon! Vidu, kia grava persono! Tial ke vi eltrinkas dekses samovarojn en tago, tial vi levas la nazon? Sed mi kraĉas al via kapo kaj al via graveco!

*Komercistoj (salutante).* — Pardonu nin, Anton Antonoviĉ!

*Urbestro.* — Plendi. Kaj kiu helpis vin friponi, kiam vi konstruis ponton kaj kalkule enskrikis lignon por dudek mil rubloj, dum en efektiveco vi ne donis eĉ por cent rubloj? Mi vin helpis, vi, kapra barbo! Vi tion ĉi forgesis? Se mi raportus pri tio ĉi, mi povus vin forsendigi Siberion? Kion vi diros? Ha?

*Unu la komercistoj.* — Mi konfesas nian kulpon, Anton Antonoviĉ. Satano nin tentis. Jam neniam en la tuta vivo ni plendos. Postu lukontentigon kian ajn vi volas, nur ne koleru!

*Urbestro.* — Ne koleru! Jen vi nun kuŝas antaŭ miaj piedoj. Kial? Car la sorto min favoris, sed se la venko estus eĉ iomete sur via flanko, tiam vi kanajlo, enpremus min profunde en koton kaj vi eĉ pezan trabon metus sur min.

*Komercistoj (kliniĝas al la piedoj de la urbestro.* — Ne pereigu nin. Anton Antonoviĉ!

*Urbestro.* — « Ne pereigu! » Nun vi petegas « ne pereigu », kaj antaŭe kio estis? Mi povus vin... (Svinginte la manon). Nu, sed Dio vin pardonu! Sufiĉe! Mi ne memoras longe la malbonon; sed nun rigardu, atentu bone! Mi edzinigas mian filinon ne kun ia simpla nobelo : rigardu ke la gratulo estu ..vi komprenas? Ne esperu kvietiĝi per ia sękigita sturgeto aŭ per konuso da sukero... Nu, iru kun Dio! (*La komercistoj foriras*).

D-ro L. L. ZAMENHOF.

## LINGVA FAKO

### Lingvaj Klarigoj

Ni tie ĉi plezure respondos ĉiujn demandojn gramatikajn, vortajn aŭ sintaksajn, kiujn sendos al ni niaj legantoj, kondiĉe, kompreneble, ke tiuj demandoj prezentu ĝeneralan intereson kaj cuel punktojn ne tute elementajn.

*Al S-ro H. B. Pri la formoj en -ino anstataŭ -ulino.* — Laŭ nia opinio la vortoj *virgino, karino, perfidino*, k. a. anstataŭ *virgulino, karulino*, k t. p ne estas kontraŭ la Fundamento, ĉar, kiel vi diras, oni povas kompreni virgino = virga ino; karino = kara ino k t p. La vorton *virgino* jam uzis S-ro Grabswsky en sia « Antologio », klasika verko de nia literaturo kaj rimarkinda pro ĝia bona stilo.

*Al S-ro F. Pri la sufikso ebl.* — Ni jam diris, ke, post verbo netransitiva, la sufikso *ebl*, laŭ nia opinio, ne estas uzebla; en la senco aktiva oni ĝis nun uzis *em*, kvankam tio ne estas tute ĝusta Via opinio, ke *vivpova* estas pli ĝusta ol povema estas prava; kiel vi diras, oni povus postmeti la radikon *pov* por montri, ke io povas .. (ekz: vivpova. mortpova, ĉarmpova), sed tiuj formoj estus tre pezaj kaj neoportunaj; plie ili ne ĉiam liveras ĝustan signifon, ĉar la senco de la esperanta verbo *povi* estas tre elasta Pro tio la enkonduko de speciala sufikso ŝajnas al ni dezirinda; en tiu direkto, oni povus provi la uzon de la sufikso *-iv*, kiu estas sufiĉe internacia kaj estus utila por la sciencaj verkoj (Ekz: mortiva = mortema, mortpova; efikiva kiu povas efiki; detruiva, kondukiva, pereiva, k. t p.).

*Al S-ros Pri nenia kaj neniu.* — *Nenia* rilatas al la *speco* de io kaj *neniu* al ĝia *individueco*; sekve, oni povas uzi neniu antaŭ substantivo signifanta aŭ personon aŭ estaĵon, en la okazo se oni volas insisti pri ĝia individueco. Ekz: *Kiun* libron vi volas legi? Mi volas legi *neniun* (se oni parolas pri la libro mem sen ia konsidero pri ĝia speco) *Kian* libron vi volas legi? (t. e kiaspecan libron). Mi volas legi nenian (t e. mi volas legi neniaspecan libron; oni tie ĉi insistas pri la ecoj kaj la speco de la libroj) Sama respondo pri iu kaj ia. La plenaj Esp gramatikoj (de Beaufront, Aymonnier) detale klarigas tiun diferencon.

*Al S-ro K. T. Pri la sufiksoaĉ.* — La sufikso aĉ (proponita de S-ro Boirac) uzita jam en multaj verkoj havas sencon malbonigan. Ekzemple : *ĉevalaĉo* (malbona ĉevalo, *domaĉo* (malbela domo kajuto). *hotelaĉo* (malbona kaj malkonforta hotelo). *ridaĉi* (ridi kun malagrabla mieno) k. t p.

Por malbonigi ion, oni kelkafoje uzas la prefikson *fi* (kiu estas en ĉiuj vortaroj kiel simpla vorto), sed tiu prefikso liveras ĉefe moralan malbonigan dum aĉ rilatas al fizika malbonigo. Ekz : *fidomo* (domo malbone loĝata), *fihomo* (homo de malbona famo). k. t. p. la samideano liveris al ni bonegan diferencigon, dirante: multaj kamparanoj *parolaĉas*, kaj multaj bonsocietuloj *fiparolas*..

*Al S-ro P G. Pri la vorteto ĉu.* — Oni uzas *ĉu* ĉiufoje kiam oni volas rekte au nerekte demandi ion. se ne ekzistas alia demanda vorto En la frazo citita de vi oni devas uzi *ĉu*; Li supreniris por vidi *ĉu* li trovos (tie por vidi *kion* litrovos).

*Al S-ro D. Diversajoj.* — La prepozicioj uzataj kiel prefiksoj havas sencon iom pli vastan kaj elastan ol kiam ili estas uzataj aparte, sed oni nepre devas eviti ĉian neĝustan kunmetadon. Esprimoj kiel elrigardi, perlaboro, forbruli, laŭ nia opinio, ne estas uzindaj.

La esprinoj 5 %, a = b en 1907, devas esti legataj kvin procente. a *egalas* (aŭ *estas*) b; en mil naŭcentsepa (jaro).

Pri *fremdaj vortoj en Esperanto.* — Ni ricevis la jenan leteron :

« En la artikolo de S-ro C. E. Randall pri la socia kaj labora vivo en Unuigitaj Statoj estas uzata la angla vorto « Lock out » (2e pajo, 4a kolono, 14a linio), tute angle skribita. Mi ne scias kial estas bezone uzi anglajn vortojn en Esperanto, ĉar tiuj ĉi-ne esperantigitaj — ne havas la karakteron de niaj diversaj formoj gramatikaj. Se, kiel mi, oni opinias, ke tiu radikvorto (kaj aliaj kelkafoje uzataj : football, hockey, ktip) estas tute taŭga, ni skribu kaj elparolu «lokaŭto». Tiamaniere oni uzos internacian vorton pli facile kompreneblan ol « eksterŝlosigo ». Sammaniere. football, hockey, handicap, steeple, ĉie komprenataj, estu esperantigitaj kiel « papero, fingro kuntime ŝtono, ŝipo, k. t p. »

« Dua vidpunkto : Se oni tiel enmetas anglajn aŭ alinaciajn vortojn (unu fojo ne estas kutimo, sed komenciĝas per unu fojo, Esperanto fariĝos kiel la franca lingvo, kiu enhavas multegajn anglajn vortojn ne ĉiam komprenataj de la franco.

« Persona rimarko : En la kunvenoj de la Pariza grupo, mi iam aŭdis iujn paroladantojn uzi anglajn aŭ alinaciajn vortojn.

R. FERTER.

Ni plene konsentas kun la ideoj esprimitaj de nia korespondanto.

H.

## EKZERCETOJ

### Interparoloj.

A. Kia vetero?

B. Hodiaŭ estas bela vetero — Fariĝas bela vetero, ni havos belegan tagon.

A. Tiom pli bone, ĉar hieraŭ la vetero estis ne konstanta kaj ŝanĝa.

B. Mi ĝin bone sentis : ĉar kaptis min pluvego neatendita kaj mi estis malsekigita ĝis la ostoj.

A. Kial vi havis nek pluvombrelon, nek pelton?

B. La ĉielo estis tiel bela, ke elirante mi nenion kunprenis.

A. Jes, sed la aero estis peza, la varmego premanta, kaj sur la ĉielo montriĝis nubetoj kuprokoloraj

B. Mi kredis, ke ili disiros.

A. Vi faris la kalkulon sen la mastro.

B. Jes, efektive, ĉar subite ekblovis vento la ĉielo kovriĝis per nubegoj, kaj pluvego miksita kun hajlo komencis fluegi sur min.

A. Kompatinda amiko! kaj kie vi estis en tiu ĉi momento?

B. Duonon da mejlo for de la urbo en kampo malkovrita.

A. Cu vi ne povis kaŝi vin ie?

B. Nenie. Estis kelkaj tilioj en la kampo, sed vi scias, kiel estas danĝere kaŝi sin sub arbo dum la uragano.

A. Tial vi ricevis la tutan pluvegon?

B. Nature. Aldonu al tio ĉi la fulmojn, la tondrojn senĉese batantajn kaj la venton kiu forportis mian ĉapelon.

### Leteroj.

Kara amikino! Estante hodiaŭ vespere invitita al balo, mi bedaŭras, senfine, ke mi ne povos vidi vin en mia domo. Pardonu kaj faru al mi alian fojon la plezuron de via kara vizito.

Gesinjoroj C. havas la honoron inviti gesinjorojn N. al tagmanĝo amika ĵaŭdon venontan je l'tria horo. Petas respondon.

Reveninte en tiu ĉi momento el la vojaĝo, mi tre dezirus paroli kun vi la plej rapide Se via tempo ĝin permesas, venu tuj al mi; mi vin atendas kun senpacienco

Car hodiaŭ ni havas tre belan veteron, mi vin atendas post tagmanĝo je l'horo ordinara Ni faros promenon al la domo de l'arbaristo kaj trinkos tie la kafon.

Mian plej koran gratulon por via tago de naskiĝo.

Multan feliĉon por la nova jaro.

Mi invitas min hodiaŭ por tagmanĝi ĉe vi.

Cu vi volas tagmanĝ hodiaŭ ĉe ni senceremonie?

### Anekdoto

*La ovo de Kolumbo.*

La kardinalo Mendoza aranĝis por Kolumbo grandan festenon kaj diris al li ĉe la tablo laŭdan paroladon. Li nomis lian eltrovon plej granda venko de la homa saĝo. Multaj korteganoj, sidantaj ĉe la tablo. aŭskultis la laŭdojn kun malplezuro. « Ŝajnas al mi — diris unu el ili — ke ne malfacile estis trovis vojon en Amerikon. La oceano ĉie estas malfermita kaj eĉ plej simpla maristo ne perdus la vojon ». — « Mi neniam pensis, ke tio estas ia merito — respondis Kolumbo — kaj mi nur dankas la ĉielon, ke ĝi elektis min por ĉi tiu eltrovo ».

Kiam la gastoj daŭrigis la disputadon, ĉu facile au malfacile estis fari tiun ĉi eltrovon. Kolumbo stariĝis, prenis ovon kaj diris : « Kiu el vi povas starigi tiun ovon tiel. ke ĝi ne falu? ». Ĉiuj gastoj volis montri sian lertecon, sed neniu sukcesis starigi la ovon. — « Donu mi petas, la ovon al mi » — diris Kolumbo. Li prenis ĝin, ekfrapis ĝin delikate al la tablo kaj la ovo stariĝis sur la rompita loko ». Ah — ekkriis la gastoj — tion sciu ĉiuel ni! — « Kial do — respondis Kolumbo ridetante — vi tion ne faris? La diferenco inter ni estas jena : vi povus tion fari, kaj mi faris ». Tia estas la deveno de la proverbo : La ovo de Kolumbo.

(*Trad. Kabe*).

FELIETONO DE " ESPERANTO " 7

## LA SABLA HOMO

**el E. T. A. HOFFMANN**

(trad. A. R.)

Post la koncerto komenciĝis la balo? Danci kun ŝi estis por Nathanael la lasta celo de ĉiuj liaj deziroj, de lia tuta ambicio. Sed kiel li havos la kuraĝon ŝin inviti? Tion ĉi oni sendube ne povus diri; pri tio neniu atentis; sed apenaŭ post la komenco de la danco, Nathanael troviĝis apud Olimpia, kies manon li senparole ekpremis. Tiu mano estis tiel malvarma kiel marmoro. Nathanael ektremis kaj timeme rigardis al la junulino; sed en ŝiaj okuloj li kredis vidi la signon de dolĉa malkuraĝiĝo. Tiu kredo redonis al li aplombon, kaj li forlogis ŝin en la rondon de la dancantoj. Olimpia dancadis laŭ precizeco kaj takto, kiuj jaluzigis ĉiujn aliajn dancantinojn. Kiam la orkestro ĉesis ludi, Nathanael rekondukis ŝin al ŝia loko kaj li kun fieregeco ekokupis malplenan seĝon flanke de ŝi. Kaj li tuj esprimis al ŝi sian amon kun ĉiuj floroj de elokventeco, kiujn al li liveris lia rememoro. Sed la virtema junulino, vera modestulino, kontentiĝis per unusilaba respondo, kiu similis al la sono : aĥ! aĥ! aĥ! tun alian ol Nathanael certe mirigus tiu parolo tiel stranga kiel malklara. Sed nia studento kredis aŭdi ĉielan muzikon kaj diris al ŝi mallaŭte : « O, junulino ĉarma, aminda de la anĝeloj! o, ĉasta rebrilo de la feliĉeco de la elektitoj, ĵeti al mi unu el ciaj dolĉaj rigardoj! kompatu mian amon!... » Tion ĉi fraŭlino Olimpia respondis ĉiam per : aĥ! aĥ! aĥ!...

Dum tiu ĉarma interparolado, profesoro Spallanzani multafoje pasadis antaŭ la malfeliĉa Nathanael, kaj ĉiufoje li ridetis per stranga maniero. La amanto ne ekvidis ke la kandeloj mallumiĝas kaj ke la invititoj jam de longe forlasis sian seĝon. Foriri li ne povis, ne ricevinte ian konfeson aŭ signon de espero, kaj li penegis eltrovi frazojn, kiuj povus havigi al li kompreneblan respondon. Sed subite fraŭlino Olimpia ekstaris kaj denove ekmarŝis, dirante : aĥ! aĥ! aĥ! Nathanael, kiel frenezulo, ŝin sekvis paŝo, kaj eĉ ne rememoris, ke, kiel diskreta amanto, li devus kunpreni sian ĉapelon kaj foriri. Spallanzani mem lin fine fortiris el tiu kvazaŭa haluceno, dirante al li : « Kara sinjoro, ĉar la interparolo kun mia filino havas tiom multe da ĉarmoj, mi tutkore permesas, ke vi faru al ni de tempo al tempo kelkajn vizitojn ».

La studento sentis sin feliĉega kvazaŭ la Paradizo malfermiĝus por lin enakcepti. Kun koro ebria de amo, li foriris, kaj, tuj de la morgaŭa tago, la balo de la profesoro kaj la ravantaj ĉarmoj de Olimpia fariĝis la konstantaj temoj de liaj paroloj. Bedaŭrinde, ĉiuj liaj aŭskultantoj ne havis tian saman entuziasmon. Kelkaj senbarbaj kritikistoj eĉ malice citis kelkajn mallertaĵojn de la profesoro, kiuj, kvankam senkulpigeblaj, montris, ke li ne havis kutimon pri la bona societo. Kelkaj aliaj malrespekte diskutis pri la plej sekretaj malrpefektaĵoj de fraŭlino Olimpia, kaj finis per nepardonebla konkludo, nome ke la filino de Spallanzani havas ĉiajn fiziologiajn signojn de la idioteco, ke konsekvence ŝia patro bone agus konservante ŝin por siaj natursciencaj kolektoj. Nathanael estis furioza; sed li ne kuraĝis elmontri sian koleron, timante ke la famo pri duelo malutilos al lia amatino kaj ke sinjoro Spallanzani forpermesos lin.

« Mi ja estas malkuraĝulo, li diris al si mallaŭte, frapante sur sia brusto; mi devus mortigi ĉiujn tiujn babilistojn; sed, ili atendu, kiam mi estos la edzo de mia mirinda Olimpia, mi rapide ilin silentigos. Tiam mi havos nepridiskuteblan rajton! » Promesinte tion al li, li aŭskultis toleremе ĉiujn ŝercojn kaj mallaŭdojn. Iun tagon, lia amiko Sigismondo diris al li : « Vere, mia Kara Nathanael, mi ne povas kompreni ke saĝa viro amas tian pupon, kiu scias nur marŝi, danci kaj krii : aĥ! aĥ! aĥ! ». — « Mia kara, respondis Nathanael, se interna lumo, supernatura vido al vi kiel al mi malkaŝus la misterajn belaĵojn de tiu nekomparebla virino, vi estus tiel freneza kiel mi. Mi estas kontentega vidi, ke vi ilin eĉ ne suspektas. Via blindiĝo en tiu rilato cetere evitas al mi la ĉagrenon havi unu el miaj plej bonaj kamaradoj kiel konkuranton, kiun mi malamegus, eĉ se li estus mia propra frato. » — « Malfeliĉa Nathanael, respondis Sigismundo, vi estas tre malsana! Sed, la beleco ne estas io absoluta; ĝi havas realecon nur en nia fantazio, kaj ĉiu vidas siajn kunhomojn laŭ la vidaj povoj, kiujn al li donas la nervo optika. Estu tute certa, ke mi neniam prenos fraŭlinon Olimpia kaj ke vi neniam havos min kiel konkuranton. Cetere, ne nur mi havas tian saman opinion : ĉiuj niaj kamaradoj el la universitato konfesas, ke fraŭlino Olimpia havas senvivajn okulojn kaj ke ŝi en tute similas ian bone direktitan maŝinon; ŝi kantas, sed ĉiam same; ŝi dancas, sed ĉiuj liaj movoj ŝajnas rezulti el risortoj. Tion ĉi ni ĉiuj konstatis kaj konkludis per tio, ke tia junulino similas pli al horloĝo ol al belulino ». — « Vi ĉiuj estas malpoeziuloj, diris Nathanael, pezigitaj de biero kaj de tabakfumo. Vi eĉ ne povas eklegi en la libro de la naturo. Jes, certe, por malsprituloj, kiuj ne povas sin altigi ĝis la belegaj regionoj de l'idealo, Olimpia estas nur ordinara virino. Al mi ŝi tre malmulte parolis, pri tio mi konsentas, sed ĉu parolo estas necesa por ke ŝi komuniku sian animon? ŝi eĉ ĉiam diris al mi la saman vorton : aĥ! aĥ! aĥ! Nu, mi deklaras ke tiu malneta vorto min impresas kvazaŭ ĝi estus ravanta muziko ludita de ĉielulino! » — « Jes, jes, vi estas prava, rediris Sigismundo, ĵetante al Nathanael rigardon de mokema kompatemeco. Mi estas nur malspritulo kaj vi estas granda poeto; mi ne havas flugilojn por vin postsekvi en la ĉielaro, kaj mi humile restadas sur la tero. Se vi iafoje bonvolos rigardi al la malpoeziaj teranoj kaj se vi bezonas ian servon, ne forgesu mian malnovan kaj fidelan amikecon ».

Post tiuj vortoj, li forsalutis lin kaj foriris konvinkita ke la cerbo de Nathanael estis frapita de stranga frenezeco.

(***Daŭrigota***).